XIXa jaro. No 274 (6) ☆ Monata ☆ Junio 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER

GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## La rezultatoj de la Venezia Konferenco.

La Itala Ĉambro de Komerco por Svislando jam sendis la plenan protokolon de la Venezia Konferenco al ĉiuj respondintaj korporacioj, ĉu aliĝintaj, ĉu ne. Kune ĝi skribis al ĉiuj por demandi ĉu ili deziras konfirmi (pli precize: ratifi) la Parizan rezolucion unuanime adoptitan kun la aldonoj proponitaj de la Delegito de l' Milana Ĉambro de Komerco. Jam multaj respondis jese post interesa diskuto ĉe plena kunsido aŭ komitata kunveno. Ankaŭ eĉ pli granda nombro enpresigis artikolon pri la konferenco en sia oficiala bulteno.

Kiel ni jam diris, la konferenco mem estis tre interesa kaj utila, sed ankoraŭ pli grava estis la tuta laboro pro kaj ĉirkaŭ ĝi. Pli ol tri mil gravaj societoj estis devigataj ekzameni nian aferon kaj pluraj tion faris sufiĉe profunde. Nun aperis la raportaj broŝuroj, utiligindaj por propagando ĉe komercaj lernejoj kaj ĉe firmoj (itale, france, angle).

Ĉe la Pariza Komerca Ĉambro, S-ro Baudet prezentis tre interesan raporton kaj ricevis favoran voĉdonon kun plena ratifo de la teksto adoptita en Venezia. La Ĉambro eĉ decidis presigi la raporton de S-ro Baudet france kaj esperante. La broŝuro ĵus aperis.

Nu, kion vi faros venontan jaron? jam demandas urĝemuloj. Ili kredeble ne komprenas ĉion, kio signifas aranĝo de nova teknika konferenco, ĉu mone, ĉu tempe, ĉu klopode. Estus baldaŭ tempo kunigi la sciencistojn, ĉu en Parizo, ĉu en Oxford, sed la demando estas, ĉu ni entreprenu ion antaŭ ni estos vere uzintaj plenefike la du armilojn zorge preparitajn en Ĝenevo kaj Venezia.

Restas ankoraŭ multe farota por interesi la instruistajn kaj la komercajn rondojn al nia lingvo pere de la taŭgaj dokumentoj nun pretaj. Restas ankoraŭ multe farota por plifirmigi nian organizon sur forta bazo. En Nürnberg estos bone diskuti iom serioze pri tiuj diversaj punktoj.

En tiu ĉi numero ni enpresas raportojn pri la diversaj naciaj Esperanto-kongresoj ĵus okazintaj en Eŭropo kaj Sud-Ameriko. Per ili ni povos ja konstati, ke nia movado floras, sed tra la rakontoj pri festoj oni povas ankaŭ sufiĉe klare travidi, ke ĉie la organizaj necesaĵoj priokupas niajn plej fervorajn agantojn.

Ĉie montriĝas bezono al kuncentrigo de fortoj por atingi pli trafajn rezultatojn. Ja tre bona tendenco. Esperantismo estas ja unu el la plej vastaj tutmondaj movadoj. Tion pruvas ne nur la sukceso de niaj kongresoj, sed la fakto, ke pli kaj pli oni renkontas la uzon de nia lingvo en ĉiaj lokoj kaj okazoj. Tamen niaj organizaĵoj ne estas fortaj kiel multaj aliaj de movadoj videble malpli grandaj. UEA kun sesmil membroj estas iel ridinda kompare kun la vasteco de esperantismo, kiu kreskas el ĝia laboro. Minimumo de dekmil estas unuavica bezonaĵo.

Antaŭ pensi pri novaj entreprenoj, ni ja devas finkonstrui nian bazon kaj oni komprenos, ke tio estu nia ĉefa nuna zorgo. Al la Kongreso en Nürnberg ni deziras, ke ĝi helpu nin ĉiujn trovi la plej trafajn rimedojn por tio kaj doni al ĉiuj la ĝojigan kuraĝigon por la varba tasko.

*Edmond Privat.*



## EL NATURO KAJ SCIENCO



# Pri la malvarmumo.

De *D-ro Maksimiljano Blassberg (Kraków).*

Per la vorto „malvarmumo“ oni kutime komprenas ian rapidan ŝanĝon de temperaturo aŭ mallongedaŭran ekagon de malvarmo je organismo, kiun verŝajne postsekvas iaj malutiligaj kaj malsanigaj efikoj. Tamen se oni provas pli profunde konsideri tiun ĉi ideon, kaj esplori, kiaspeca agado de malvarmo, ĉu kvante ĉu kvalite, estas bezona al estiĝo de malvarmumo, se oni volas precize distingi la ideon de „malvarmigo“ de ideo de „malvarmumo“ oni ekvidas kiel nebuleca kaj malklara estas la opinio pri „malvarmumo“. Ĉi tie esencaj faktoj kaj ideoj precize sciencaj kuracistaj estas firme kunmiksitaj kaj kunplektitaj kun la ĉiutagaj opinioj de nefakuloj malkritikemaj, ja ofte eĉ superstiĉemaj.

La esenco de malvarmigo konsistas el du faktoroj. La unua estas la aganta malvarmo, la dua estas la reakcio de l' organismo. La agantaj malvarmaj faktoroj povas esti diversaj, kiel: la aera atmosfero, ĉirkaŭanta la teron, la akvo, pluvo, neĝo kaj aliaj atmosferaj falaĵoj, nebuloj, vaporaĵoj, malsekeco kaj fine la diversaj artefaritaj malvarmigiloj kiel ekzemple malvarmiga kuracista hidropatio ktp. Plej ofte la malvarmo enpenetras en la organismon pere de la haŭto, sed ankaŭ pere de naturaj korpaj malfermaĵoj kiel buŝo, naztruoj, oreloj ktp. La malvarmo atakanta homan korpon renkontas en ĝi organismon, altgrade diferencigitan kaj komplikitan, kiu havas propran specifan preskaŭ konstantan temperaturon kaj propran organizon memkreantan kaj memreguligantan la korpan varmecon. La bruliga materialo konsistas el la manĝaĵoj digestataj en la stomako kaj intestoj. Samtempe la pulmoj, kvazaŭ blovilsakoj, prenas el la aero la oksigenon, bezonan por bruligado kaj bruligas la materialojn, devenantajn el la digestaj organoj. Ĉe tiu ĉi bruligado ekestiĝas korpa varmeco, kiun la sango alkondukas dise tra la tuta organismo. Por ke ne ekfariĝu troa varmo, la haŭto kaj la pulmoj per radiigado, vaporiĝado kaj ŝvitado eligadas troon da varmo. Ankaŭ la nerva sistemo helpas ĉe la varmreguliĝo. Fine la memkonserviga instinkto lernigis la homojn ŝirmi sin kontraŭ la perdo de la propra varmeco per loĝejoj, tolaĵo, litaĵo kaj vestoj.

La agado de malvarmo je organismo estas nedubeble science esplorita kaj pruvita. Ĝi komenciĝas per malgrandaj lokaj aŭ ĝeneralaj perturboj de varmecreguligo kaj progresas ĝis la morto, kaŭzata de malvarmigo. Sed tiu ĉi „malvarmigo“ tute ne egalas al la ĝenerale disvastigita preskaŭ superstiĉa opinio pri la „malvarmumo“. Per la vorto „malvarmumo“ oni kutimas ja difinadi la plej diversajn mallongedaŭrajn kaj malaltgradajn malvarmigetojn de diversspeca deveno kaj grado, kaj ankaŭ eĉ tiajn, kiaj tre ofte, ja preskaŭ konstante ekzistas kaj kutime aperadas en la ĉiutagaj atmosferaj kaj klimataj kondiĉoj, kiujn la homoj oftege renkontadas kaj kun kiuj la homa vivo estas kunligita. La ĝenerala opinio de nefakuloj pri „malvarmumo“ estas tia, ke post dummomenta malvarmigeto de la haŭto aŭ enspiro de malvarma aero aŭ post preno de malvarma manĝaĵo ktp. jam estiĝas aŭ povas estiĝi malvarmumo — malsaniĝo. Ĝi estiĝas aŭ sur la koncerna loko aŭ en malproksimaj organoj. Laŭ unuj la „malvarmumo“ mem estas jam malsano, laŭ aliaj ĝi estas nur kaŭzo malsaniga. Mi vidu kion pruvis la preciza scienco pri tiu ĉi „malvarmumo“.

La antikvaj ideoj pri la multaj de „malvarmumo“ kaŭzitaj malsanoj paŝo post paŝo ĉiutage kaj treege maloftiĝas kaj malvastiĝas konforme kun la progresado de medicino. Hodiaŭ oni jam tre multajn el tiuj antikvaj „malvarmumoj“ opinias en medicino esti nuraj infektaj malsanoj, kiel ekzemple nazokataro, influenco, gorĝinflamo, inflamo ĉirkaŭdenta, inflamo de pulmoj, de artikoj, de kormembranoj ktp.

La tiuĉirilataj eksperimentoj, farataj sur bestoj, ne povas esti bonaj pruviloj por la „malvarmumo“. Ĉar la bestoj diferenciĝas de la homoj treege per ilia konstruo, per hararo, per vivmaniero, funkciado kaj aliaj specaj ecoj. Per artefaritaj kondiĉoj k. c. per ekago laŭvica de varma kaj malvarma temperaturo oni ne sukcesadas malvarmumigi la bestojn. Ĝenerale oni ne kutimas paroladi pri „malvarmumo“ de la bestoj.

Ĉe la homoj la sciencaj celecaj eksperimentoj malvarmumigantaj estis ankaŭ malsukcesaj. Tre konataj estas la eksperimentoj de la Praha profesoro *Chodounsky*, faritaj sur si mem, unue en lia 57ª, poste ree en la 63ª vivaĝo. Li estis edukata en ĉiama timo de malvarmumo, li ĉiam evitadis trablovojn, aerŝanĝiĝojn kaj malsekigon de piedoj kaj portadis trikotojn, tamen spite de ĉio ĉi tio li ĉiame suferadis je nazokataroj, bronĥitoj kaj reŭmatismo de muskoloj. Nur kiam li poste, spite de evidenta kaj senduba malvarmumigo dum ekskursoj, restis sana, li komencis dubeti pri ekzisto de la „malvarmumo“ kaj komencis pure science esploradi tiun ĉi demandon sur bestoj kaj homoj kaj precipe sur si mem. Kun vera heroeco li faradis sur si mem laŭsisteme grandan vicegon de tre malagrablaj eksperimentoj, penante en koncernaj taŭgaj kondiĉoj kaŭzi malvarmumon. Post malvarmaj, varmaj aŭ varmegaj banoj en la limoj de $+4-45^{0}$ C. li starigadis sin malsekigite, nude kaj senŝue je fortaj venttrablovoj de temperaturo de $-15$ ĝis $+12^{0}$ C., daŭrantaj ĝis unu horo, aŭ li elmetis sin je subitaj temperaturŝanĝiĝoj ĝisirantaj ĝis $41^{0}$ da diferenco, aŭ li malvarmigadis diversajn korporegionojn kiel: la vizaĝon, nukon, korregionon, piedojn, artikojn, regionon de vejnoj ktp. Spite de tio, ke li jam antaŭe suferadis je ĥronika bronĥito kaj en lia kraĉaĵo kaj sur la tonsiloj troviĝadis diversaj specoj de bakterioj, sendube bakteriologiece pruvitaj, li ne malvarmumiĝis. Sekve *Chodounsky* asertas, ke la kvazaŭaj faktoroj de tiel nomata „malvarmumo“ ne nur ne „malvarmumigas“, sed ankaŭ eĉ ne emigas al malsanoj.

Ekzistas diversaj sciencaj hipotezoj, provantaj iel ajn klarigi la estiĝon kaj mekanismon de la malvarmumo. Ekzemple laŭ unu teorio la malvarmo spasmigas sangtubetojn aŭ senpere aŭ pere de spasmigo de ĉirkaŭantaj ilin muskoloj. Postsekvas difekto de mukmembranoj kaj de epitelioj kaj ilia malresidemo kontraŭ bakterioj. Laŭ alia hipotezo la malvarmo senpere difektas epiteliojn kaj histojn. Laŭ tria hipotezo post malvarmigo de unu korpoparto, ekzemple de piedoj larĝiĝas la sangtuboj de alia korpa regiono ekzemple de nazo kaj estigas malvarmumigantan kongeston. Kvara teorio klarigas malvarmumon per dumtempa malhelpo kaj haltigo de la perhaŭta eligado kaj vaporiĝado. La kvina asertas, ke ĉe la malvarmumo la sango en la korpa supraĵo estas malvarmigata kaj en tiu stato alfluas al internaj organoj. La nerva hipotezo opinias, ke la malvarmumo estiĝas per nerva agado sur la haŭtaj nervoj kaj diversaj sinsekvaj reflektecaj difektoj. Krom la supre cititaj ekzistas ankoraŭ aliaj hipotezoj pri malvarmumo.

Kiel ni do vidas el la supra kunmetaĵo ekzistas plej diversaj sciencaj hipotezoj, sed neniu tute certa pruvo pri la „malvarmumo“. Ili baziĝas kelkfoje nur sur laŭvolaj konjektoj aŭ supozoj. Laŭ scienca vidpunkto oni scias, ke la organismo aŭtomate kaj tute sufiĉe reguligas varmecon en tiaj cirkonstancoj, ke ĝi sukcese kaj senpene sin memdefendas kontraŭ tiaspecaj ĉiutagaj malvarmigoj kaj malvarmigetoj, kiujn oni kutimas nomi „malvarmumon“. Alie ne estus kompreneble, kial

la grandega multmilionnombra amaso da homoj, kiuj ĉu memvole ĉu devige, ekzemple en militaj tranĉejoj, estas elmetataj sur tiaj „malvarmumejoj“ tamen spite ne malvarmumiĝas.

Kelkaj konsideras, kiel argumenton por „malvarmumo“ la kunan aperadon kaj kunestadon de kelkaj malsanoj kun la ekstera atmosfera malvarmo kaj argumentas per la statistiko de malsanoj dum diversaj jarsezonoj. Sed tiaj statistikaj argumentoj ne estas sufiĉe precizaj kuracistaj kaj sciencaj pruviloj, ĉar samtempe ekzistas multaj duboj kaj kontrastaj opinioj de diversaj aŭtoroj. Krome la ciferoj ne klarigas precize la aliajn kunestantajn, gravajn kaj kaŭzigajn momentojn kaj cirkonstancojn. Ekzemple estas tutkonate, ke la ekzantema aŭ makuleca tifo ekaperadas ĉefe dum la vintro kaj malvarmo. Sed la kaŭzo estas tute alispeca ol la malvarmo. Makuleca tifo estas infekta malsano kiu disvastiĝas pere de pedikoj. Dum la vintro la popolo pli varme sin vestigas, malpli ofte uzadas banojn kaj ŝanĝas tolaĵon kaj pli dense restadas en la hejtigitaj loĝejoj. Tiamaniere ebliĝas kaj plifaciliĝas disvastiĝo de la tifo per la infektitaj vestaj pedikoj. Laŭ la statistiko oni povus false supozi, ke la tifo estas kaŭzata de malvarmumo, ĉar ĝi kunaperadas samtempe kun malvarmaj jarsezonoj. La sama faktoro t. e. pli densa kunestado en hejtigitaj loĝejoj dumvintre favoras la plivastiĝadon de infektecaj nazkataroj kaj sekvantaj ilin bronĥitoj kaj de aliaj infektaj malsanoj, kiujn oni poste false kunligas kun iu iluzia „malvarmumo“.

La kialo, pro kiu la ideo pri malvarmumo tiele estas disvastigita ŝajnas esti sekvanta: La senperan ekagon de alterne sinsekvaj atmosferŝanĝoj, precipe de la varma kaj malvarma aero, ni tuj eksentas kaj tre ofte tiu ĉi ŝanĝiĝo estas malagrable eksentata. Tiel ekestiĝas en ni la ideo, ke tiuj ĉi momentaj malagrablaĵoj devas esti ankaŭ malsanigaj kaŭzoj. Tial oni ofte kulpigas la „trablovon“ pri malsanigo. Ankaŭ kelkfoje ĉe komenco de infektaj malsanoj ekestas malagrabla malvarmsento aŭ frostotremo, kiu ĉe ni elvokas penson, kvazaŭ ĝi estus la ĝusta kaŭzo de malsano, kvankam fakte ĝi jam estas nur signifo de la komenciĝanta infekta malsano mem. Ankaŭ la aliaj subitaj eksteraj malvarmimpresoj vekigas, kaŭze de ilia malagrableco, en nia menso senbazan suspekton pri ilia malutiliga kaj malsaniga efiko. Vere ni ja ofte sentadas tiaspecajn malvarmojn sen postsekvinta malsano, sed pri tio ĉi ni kutimas forgesadi. Pri tiu ĉi afero profesoro *Peuzoldt* prave skribis: „La malvarmumoj estas des pli oftaj, ju pli vaste ni komprenas la ideon pri malvarmumo. La malgravaj akutaj inflamoj de la supraj respirvojoj kaj la reŭmatismoj estas ankaŭ oftaj. Se do okaze la kvazaŭa kaŭzo kaj la efiko sin postsekvas, tiam okazas simile, kiel ĉe niaj profetaĵoj pri la vetero: la efektiviĝon ni vidas kaj aprobas, tamen la malsukcesojn ni ne rimarkas, ni pri ili silentas kaj forgesas.“

Ofte ni eĉ ne rimarkas, kiajn sensencaĵojn, mallogikecojn kaj kontraŭecojn enhavas tiaj ĉiutagaj asertoj pri malvarmumo. Ekzemple la sama persono timas la subitan aertrabloveton, irantan tra difektita vitro aŭ malfermita pordo, kaj tute ne timas la blovon de vento sur strato aŭ sur tramvoja platformo. Ĉe la konstruado de novaj domoj, en metalproduktejoj, metalfandejoj, vitrofarejoj, en diversaj fabrikoj, glacikeloj ktp. regadas konstante trablovoj kaj subitaj temperaturŝanĝiĝoj kaj spite de tio la laboristoj en tiaj ejoj ne pli ofte „malvarmumiĝas“ ol la aliaj laboristoj. La esploristoj de la polusoj entute ne plendis pri malvarmumoj. Ni ne forgesu, ke ĉiu homo senescepte estas ĉe sia naskiĝo tre forte „malvarmumigata“. Ĉar la novnaskatuloj forlasas la patrinan korpon, enhavantan 36 ĝis 37° C. kaj subite eniras en la temperaturon de la ĉambro (ĝis 20° C.). Do senprepare ili subiĝas je temperaturdiferenco de dekkelkaj gradoj. Kaj nl demandu: Kiom da „malvarmumoj“ estas observataj ĉe la novnaskituloj kaŭze de tiu, neniun ŝparanta deviga, akra, kruela mallonga malvarmigo?

La timo de la malvarmumo, kiu estas tiel preskaŭ tra la tuta mondo disvastigita, ne estas tute sendanĝera. Ĝi ofte kaŭzas ĉe la homoj diversajn malutilajn aranĝojn kaj kutimojn, kiuj ofte komenciĝas jam en la infanaĝo. La gepatroj troige timas malvarmumon por la suĉinfanoj kaj malfacile ekdecidas pri elekto de tago kaj vetero, dum kiu oni povus elsendi infaneton el la hejmo en freŝan aeron. Samtempe ili forgesas aŭ ne scias, ke la nazokataro kaj aliaj kataroj de respirvojoj estas infektigaj kaj tial per tenado de la infano sur manoj, per kisoj kaj dorlotoj tre facile iu el la ĉirkaŭantaro infektigas infanon. Poste oni estas konvinkita kaj false afirmas, ke la „malvarmumo“ kaŭzis la malsanon. La timo de malvarmumo kaŭzas, ke tre ofte la aerumado en loĝejoj, lernejoj, oficejoj, laborejoj, teatroj, restoracioj kaj galerioj estas tute nesufiĉa, la aero estas densigita kaj malpura, ja kelkfoje eĉ regas tie stagnacia malbonodoro. La ventolado, kutime nesufiĉa, estas aplikata en publikaj ejoj nur tiam, kiam neniu ene ĉeestas — por evito de „malvarmumo“. Dum vojaĝo en fervojaj vagonaroj la deziro de unu sola kunvojaĝanto, timanta trablovon kaj malvarmumon, kutime sufiĉas, ke ankaŭ, eĉ dum somero, ĉiuj fenestroj de la vagono restu fermitaj. En la privata vivo, kaŭze de la troiga timo de la malvarmumo multaj personoj ne nur malbone kaj nesufiĉe aerumadas la loĝejojn, sed ankaŭ kovrigas diversajn fantaziajn fendojn en la loĝejoj per multaj dikaj tapiŝoj, kiuj verdire estas ĝustaj malhigienaj polvokaptiloj. Kelkaj timas ofte pro tiu iluzia kaŭzo la banojn kaj eĉ sinlavadon, kaj oni kelkfoje vidas eĉ malkulturecon de la korpa pureco, kaŭzitan de malvarmumtimo. Aliaj timas la promenadon kaj movadon en freŝa aero. Tie, kie la timo de malvarmumo estas profunde enradikigita, ofte estas false kondukata la edukado de la infanoj, kaj en tiuj rondoj pli facile kaj ofte ekaperadas kaj disvastiĝas la tuberkulozo de pulmoj. Ankaŭ ekzistas multaj hipoĥondriuloj, ĉiame ununure sin mem observadantaj, kaj vivantaj kun konstanta aŭtosugestio, ke eĉ la plej malgranda ŝanĝiĝeto de temperaturo povas ilin „malvarmumigi“.

Ĉu estus eble hodiaŭ kontraŭargumente persvadi? *D-ro Fick* skribas pri tiu temo: „Por paroli pri malvarmumo oni devas havi kuraĝon, ĉar ĉiu ajn, ĉu kuracisto, ĉu nefakulo, estas konanto kaj eksperto pri tiu ĉi temo. Ĉiu ajn vidis malsanojn kaŭzitajn de malvarmumo. Kaj duaflanke en neniu ajn malsano, eĉ en la disvastigita nazokataro kaj tuso, estas pruvite, ke ili povus ekestiĝi per simpla malvarmumo kaj ĉu ĝenerale ili iam ajn per simpla malvarmumo ekestiĝis.“

Laŭ la hodiaŭa stato de medicino ne estas do eble precize science pruvi kaj certigi, ke la „malvarmumo“, kiel kaŭzo de malsanoj, ĝuste ĝenerale ekzistas. Sed oni scias tute bone, ke la observoj, argumentoj kaj pruviloj de la laikuloj pri malvarmumo nenion valoras. Kie estas ĝenerale samspecaj, kiel la superstiĉoj pri la „malfeliĉaj kaj malsukcesaj tagoj“ aŭ pri ciferoj (ekzemple superstiĉo pri „malfeliĉa dektrio“) aŭ la superstiĉoj de la ĉasistoj ktp. Ĉiukaze ŝajnas, ke la timo de malvarmumo estas pli reala, tre disvastigita kaj oftege pli danĝera kaj kontraŭhigiena aperaĵo ol la treege duba ekzisto de la „malvarmumo“ mem.

---

☆

**Helpu ŝpari**

**sendante duoblan poŝtkarton kiam vi petas informon de la Centra Oficejo de UEA.**

**La kosto de afranko estas la plej alta en Svislando.**

 LITERATURO 

# Blaise Pascal

de *Petro Stojan.*

Pasis 300 jaroj post la tago en kiu venis nian mondon malsanema infano, al kiu la sorto difinis mallongan vivtempon, sed kies genio estis vivonta dum jarcentoj.

Blaise Pascal, laŭ nia elparolo Blez Paskal', naskiĝis la 19an de junio 1623 en Clermond-Ferrand, urbeto en la monta regiono de l' centra Francio.

Maltrankvilita de trofrua disvolvo de sia spiritoplena fileto, la patro ne permesis al li studi matematikon, por kiu la infano sentis nevenkeblan altiron. Sen la libroj, la infano tamen laboris ludante pri la geometrio, kreante siajn infanajn nomojn por la necesaj ideoj: rekta linio estis por li la bastono, cirkla linio — la rondo ktp. Tiel li verkis sian propran geometrion, kiu koincidis kun la Eŭklida, ĝis la 32a propono.

Estante 16-jara, li verkis rimarkindan studon pri la konusaj figuroj, kiun admiris Leibniz plimalfrue, dum sia restado en Paris.

En la aĝo de 19 jaroj Pascal elpensis kalkulan maŝinon, kiu estas kvazaŭ prapatro de modernaj aritmometroj kaj kalkulaparatoj. Liaj matematikaj verkoj estis vastaj, profundaj kaj originalaj; ili influis Leibnizon mem, kaj helpis al li eltrovi la diferencialan metodon. Ankaŭ en la mekaniko kaj fiziko Pascal frukte laboris, kaj lia nomo estas por ĉiam ligita kun la gravaj eltrovoj en tiuj fakoj.

Premegita de malsanoj, ĉagrenita de l' patra morto kaj aliaj kordoloroj, la juna geniulo forlasis la publikan mondon, enirante la eremitejon de Port-Royal. Li falas ekstreman piecon, mistikon kaj asketismon. Lia lasta verko estis *Leteroj Provincaj* en kiu la oficiala hipokriteco kaj fanatika intrigo estis de li demaskitaj kun ardanta indigno. Li mortis 39-jara, lasante neeldonitajn paperojn kaj notojn, kiuj aperis en fidinda eldono de la jaro 1852 sub la titolo *Pensoj*. Ĝuste tiu lasta postmorta libreto estas nun plej admirinda kaj ĉiam legata kun freŝa intereso. Ĉiuj kreaĵoj de Blez Paskal' nun restas respektindaj historiaĵoj, krom la *Pensoj*, libreto ĉiam aktuala, altespirita trezoro, prezentita en geniesimpla kaj klara stilo. La genia infano serioza kiel viro, la pura viro naiva kiel infano, tia estis Blez Paskal' dum sia tuta tro mallonga vivo. Ĉu ni povas honorigi la karan memoron de l' pensulo pli dece ol relegante liajn pensojn? Ni tion faras, kaj al tio instigas la legantojn. Kaj ni finas per kelkaj linioj, tradukitaj el la Paskalaj *Pensoj*.

* * *

La scio havas du ekstremaĵojn intertuŝantajn: la unua estas la pura nescio de l' novenaskitoj, la alia estas ekstremaĵo kiun atingas la grandaj ĉionkonantaj animoj, kiuj finfine trovas, ke ili nenion scias. La ceteraj, kiuj eliris el la natura nescio kaj ne atingis la alian ekstremaĵon, estas tiuj, kiuj malpacigas la mondon kaj ĉion juĝas malprave. Do, la homo estas subjekto plena je eraroj.

* * *

La justo kaj la vero estas du pintoj tiom subtilaj, ke niaj malakraj instrumentoj ne povas ilin tuŝi precize.

* * *

La stoikoj diras: eniru vin mem, tie vi trovos vian pacon; kaj tio ne veras. La aliaj diras: eliru eksteron por tie serĉi vian feliĉon vin amuzante, ankaŭ tio ne veras. La feliĉo ne estas en ni, nek ekster ni; ĝi estas en Dio kaj en ni.

* * *

Oni estas tute mirita kaj ĉarmita, kiam oni vidas la naturan stilon; ĉar oni atendis vidi aŭtoron, kaj oni trovas nomon.

Se iu metiisto certe sonĝadus ĉiunokte, dum la dekdu horoj, ke li estas reĝo, mi kredas, ke li estus preskaŭ same feliĉa, kiom iu reĝo sonĝanta ĉiunokte, dum la dekdu horoj, ke li estas metiisto.

* * *

Metodo ne erari estas de ĉiuj dezirata. La logikistoj profesias en tiu metodo. La matematistoj solaj en tio sukcesas. Ekster la matematiko, kaj ĝia apliko, ne ekzistas veraj pruvoj.

* * *

Arto de konvinkigo konsistas en tri partoj esencaj: difini terminojn kiuj servos por klaraj difinoj, proponi principojn aŭ aksiomojn evidentajn por pruvi la aĵon tematan; kaj submeti ĉiam en la menso la difinojn en la lokon de la difinitaĵoj, dum la pruvado.

* * *

Kiuj havas saĝan spiriton, tiuj scias kioma diferenco estas inter du samaj vortoj, laŭ la lokoj kaj la cirkonstancoj kiuj ilin akompanas. Ĉu oni kredos, vere, ke du personoj legintaj kaj parkerintaj la saman libron, ĝin scias egale? Se la unua ĝin komprenas kaj scias ĉiujn ĝiajn principojn . . . ., la alia havas ĝiajn vortojn mortaj; kaj la semoj — kiuj por la unua produktis fruktodonajn arbojn — restis por la dua sekaj kaj senfruktaj, ĉar ilin vane ricevis la senĝerma spirito.

* * *

Mi konas kioma estas diferenco inter la skribo de iu vorto laŭaventure, sen la plilonga kaj plivasta pripenso, kaj la ekvido en tiu vorto de admirinda serio da sekvoj, kvazaŭ ĝi ne estas plu la sama vorto . . .; analogie, iu bela arbo ne povas esti rigardata kiel la verko de tiu kiu ĵetis ĝian semon en la abundan teron, ne pensante pri ĝi, nek ĝin konante. La samaj ideoj iufoje kreskas tute alimaniere en iu alia ol en ilia aŭtoro; senfruktaj en ilia naskokampo, fruktoriĉaj ili iĝas post la transplantado.

* * *

Unu el ĉefaj kaŭzoj, kiuj foririgas de la vera vojo tiujn kiuj ĝin serĉas, estas la antaŭjuĝa imagaĵo, ke la bonaj aferoj estas neatingeblaj; tial oni nomas ilin la grandaj, altaj, superaj, sublimaj. Tio pereigas ĉion. Mi volus ilin nomi la malaltaj, komunaj, ordinaraj, tiaj ja nomoj estas por ili pli konformaj; mi malamas la ŝvelajn vortojn.

* * *

Kiam oni trovas en iu parolado vortojn ripetitajn, kaj kiam oni provas ilin korekti, oni trovas ilin tiom taŭgaj, ke oni malbonigus la paroladon se oni ne lasus ilin tie.

* * *

Ni supozas, ke ĉiuj homoj konceptas kaj sentas sammaniere la objektojn kiuj sin prezentas al ili; sed ni tion supozas tute senbaze, ĉar pri tio ni ne havas iun ajn pruvon.

* * *

— Kial vi mortigas min? — Eh, kial! Vi ja loĝas transe de l' rivero! Mia kara, se vi loĝus sur la sama bordo kiel mi, mi estus mortigulo, estus maljusto vin mortigi, sed ĉar vi loĝas sur la kontraŭa bordo, mi estas bravulo kaj juste aganta.

* * *

La justo estas tio kion oni sankcie starigis. Tial ĉiuj niaj leĝoj starigitaj estas opiniataj justaj sen esploro, ĉar ili estas starigitaj.

* * *

La justo sen forto estas malpotenca; la potenco sen justo estas tiraneca.

## La Mistero de l' Vivo.

(Laŭ motivo el la Bhagavad-Gita,*) kanto II. 29.)

*Vivo eterna, pulsanta en ĉio*
*Nepenetrebla mistero de Dio!*
*Kiu esplori, trasondi vin povas,*
*Vian profundan esencon eltrovas?*

*Vane okulo vin vidi deziras,*
*Vane orel' vian voĉon sopiras —*
*L' animo nur vian pulsadon eksentas,*
*Se homa okul' kaj orelo silentas.*

W. Daum.



De RUBEN DARIO:

## Tropika Vespero.

*Vespero griza, malgaja:*
*Per velut' la mar' sin vestas,*
*Kaj la profunda ĉielo*
*Funebras.*

*De l' abismo vokas plende*
*Maldolĉa voĉo sonora.*
*Dum kantas la vent', la maro*
*Ploras.*

*De l' nebul' la violonoj*
*Mortantan sunon salutas,*
*Kaj la ŝaŭmo psalme preĝas:*
*„Miserere“.*

*Ĉion banas harmonio,*
*Kaj sur flugiloj de l' brizo*
*La plendo malgaja iras*
*De l' maro.*

*Trumpetad' de l' horizonto*
*Faras strangan simfonion:*
*Ŝajnas ke de l' montoj vibras*
*La voĉo.*

*Aŭ de tiu nevidebla . . . .*
*Aŭ se ĝi estus terura,*
*Al vent' jetita, blekado*
*De leon'.*

Laŭvorte tradukis
*Enrique Legrand.*



*) La Bhagavad-Gita (sanskrite: Alta kanto) estas unu el la sanktaj libroj de Hindio.

## Ĉe l' klavceno.

*Ĉe malnova la klavceno*
*aŭskultante staris mi,*
*dum romancon ŝi kantadis,*
*plena de melankoli'.*

*Fingroj ŝiaj flirtis lerte*
*sur ebura la klavar';*
*sunaj la radioj ludis*
*en orblonda ŝia har'.*

*De l' romanco min revegis*
*la belsona harmoni':*
*en de mia kor' l' interno*
*longe vibris eĥe ĝi.*

*En la blanka robo silka*
*ŝajnis ŝi al mi anĝel',*
*subirinta sur la teron*
*el beata la ĉiel'.*

*Ekstazplene mi aŭskultis*
*kaj subite el la kor',*
*ekleviĝis neteneble*
*konvulsia mia plor'. . .*

Antwerpen. Jan van Schoor.



## Ĝis la revido.*)

De Clarence Bicknell (*† 1918*).

*La ora flamo de la suno kuŝiĝanta*
*Al la krepusko cedas; tamen kantas fido,*
*Malgraŭ la nokto pli antaŭen rapidanta,*
*„Ĝis la revido“ —*

*Junulo en la kara hejmo forironta,*
*Pro korespero forta, eĉ kun ĝoja rido,*
*Ekkrias, rigardante trans la temp' estonta,*
*„Ĝis la revido.“*

*Kaj de l' patrin' sindona kies viv' forkuras*
*Dum ŝi „adiaŭ“ ĝemas al ploranta ido,*
*„Morteme eble estas morto“, am' murmuras,*
*„Ĝis la revido.“*

*Gefratoj miaj karaj, baldaŭ ni disiros,*
*Sed ne fremduloj plu, post tiu ĉi kunsido,*
*Ĉar Esperanto nin kunligas; ni nur diros*
*„Ĝis la revido“.*



*) Verkita por la unua Esperanta Kongreso en Boulogne-sur-Mer, 1905

# TRA LA LIBRARO.

**Du Kokcineloj. — La montro.** De *Geza Gardonyi.* Tradukis *D-ro Kolomano de Kalocsay.* Rekomendita de E. L. A. 1923. „Per Esperanto al Tutmondo", Budapest VI, Hajos-utca 15. 32 paĝoj, 11 × 15 cm. Prezo: 0,25 sv. fr.

Ĉi tiu nova libreto el la kolekto „Hungara literaturo" estas tiel interesa, kiel la antaŭaj. La unua rakonto, pli ampleksa, estas vigla, simpla, naiva priskribo de vilaĝa moro. El du samaĝaj fratinoj, unu estas blinda; kiuj estos ŝiaj sentoj, kiam ŝi konscios, per la idilio de l' fratino, ke ŝi staros ekster la vivo: jen la temo. Ŝia seniluziiĝo fariĝas neelportebla kaj la blindulino forlasas tiun mondon, kiu ŝin pelas. Aŭdu kiel poezie simplaj frazoj aperigas vidaĵon:

„La vilaĝo silentas. Ankaŭ la najtingaloj ĉesis kanti. Nur en la malproksimo bojas basvoĉa hundo, la hundo de l' paroĥestro. Ankaŭ la ĝardeno silentas. Sole la mallaŭta frapeto de maloftaj pluvogutoj aŭdiĝas, kiam ili falinte de la branĉoj, falas sur la herbfoliojn."

La talento de l' tradukinto estas konata. Tial oni postulas de li perfektecon. Vortoj: „apardeltaj", „delkonsili" estas verŝajne preseraroj. Sed kiam novaj radikoj, kiel: „ŝrumpi", „strumbli" estas uzataj, oni devus note aldoni ilian signifon. Ofta nenecesa uzo de „ke" en dialogo eble helpas imiti nekleran parolon; sed en la teksto mem tio estas malbona; ekzemple: „Ŝi raportis al sia fratino, ke ŝi renkontiĝis kun Piŝta kaj ke kian sciigon li sendis".

Verketo kia „Kokcineloj", kiu iom ekmalkaŝas fremdan popolan animon estas unu el la ĝuoj de l' esperantista leganto.

**Taschenwörterbuch Deutsch-Esperanto.** *Karl J. Loy.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden. 1923. VIII + 232 paĝoj, 10 ½ × 16 cm. Prezo: Germanujo M. 2,50 × ŝlosilnombro (nune 5000), aliaj landoj: 2,50 sv. fr.

Mankis en Germanujo tia vortaro post elĉerpiĝo de l' antaŭaj. Tiu nova estas modele eldonita kaj presita. Kvankam poŝformata, ĝi estas rimarkinde riĉa. Ĉar la esperanta vortformado similas la germanan, oni ŝparis lokon per uzo de ciferoj anstataŭantaj la plej oftajn derivaĵojn. Mi ne sufiĉe ofte laboris helpe de l' aliaj German-Esperantaj vortaroj por kun ili kompari tiun ĉi; sed ĝin foliumante oni facile ekvidas, ke ĝi estis serioze ellaborita kaj estas praktika, fidinda laborilo en mano de multaj. Aŭtoro kaj eldonintoj meritas laŭdon pro sia valora publikigaĵo. Du listoj kun geografiaj kaj personaj nomoj finigas la libron. Inter krampoj estas montrataj vortoj ne ankoraŭ ĝenerale uzeblaj. Tiu tre taŭga rimedo estis eble iom ŝpare uzata, ĉar kelkaj pluaj radikoj meritus ankaŭ tiun avertan signon.

**Vortaro de la oficialaj radikoj de Esperanto.** *Th. Cart.* Kolekto de la Akademio. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel. 32 paĝoj, 9 ½ × 14 cm. Prezo: Germanujo M. 0,50 × ŝlosilnombro (nune 5000). Aliaj landoj: 0,50 sv. fr.

Ĉiu agema skribema samideano devos posedi tiun libreton por tuj facile ekscii ĉu vorto estas oficiala aŭ ne. Ĝi efektive enhavas alfabete ordigitajn, ĉiujn radikojn de Universala aldono kaj tri oficialaj aldonoj, t. e. pli ol 4000 radikoj, antaŭataj de konsiloj pri enkonduko de novaj vortoj kaj postataj de tabelo kun ĉefaj landnomoj. Novaĵo estas, ke per kursivaj literoj estas montrataj radikoj malpli gravaj, kiujn lernanto povas komence ignori. Atentinda ankaŭ estas tiu sugesto en klariga noto: oni uzu tiun libreton dum ekzamenoj, ĉar tiu nur esperanta radikaro povas helpi nur lerninton, tamen ne forigante la malfacilaĵojn de l' proponitaj taskoj.

**Korekto de la eraraj Tradukoj en Universala Vortaro.** Germana parto. *Th. Cart.* Kolekto de la Akademio. 1923. Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin SW. 61, Wilmsstrasse 5. 4-paĝa litografia folio, 16 × 24 cm. Prezo: Germanujo M. 0,30 × ŝlosilnombro (nune 5000), aliaj landoj 0,30 sv. fr.

La franca kaj la angla parto de tiu laboro, pretigita en 1914, jam aperis. La germana, por kiu kunlaboris S-roj Elb, Christaller kaj F-ino Schefer, estas necesa al ĉiuj posedantoj de l' Universala Vortaro kaj al ĉiuj estontaj vortaristoj.

**Kremacio kontraŭ Enterigado.** Parolado de *D-ro Hugo Erichson.* Esperantigis *D-ro Tobias Sigel.* Kremacia Asocio de Ameriko: Sekretario S-ro A. T. Roever. 519, Union Central Bldg., Cincinnati, Ohio, U. S. A.

Jena pledo por kremacio estis parolita en Indianopolis (Usono) kaj en la Instituto de Carnegie (Pittsburgh) en 1913. Ĝi bone klarigas la kialon de tiu progresema movado, ĝian historion, ĝian gravecon je higiena vidpunkto, ĝian ekonomian profiton, la kontraŭajn argumentojn. La temo, se ne distra, estas studinda. Ĉar la broŝuro estas senpage dissendata kaj klara malgraŭ kelkaj lingv- aŭ preseraroj, ĝia instruiga legado estas rekomendinda.

**Das Deutsche Lied in Esperanto.** (Germanaj kantoj esperantigitaj.) Kompilis *Friedrich Pillath.* Rekomendita de E. L. A. Dua, iom kompletigita eldono, (4ª — 10ª miloj). Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. Prezo: Germanujo M. 0,80 × ŝlosilnombro (nune 5000), aliaj landoj 0,80 sv. fr.

La unua eldono estis antaŭ unu jaro priparolita en ĉi tiu gazeto. Ĉar la dua enhavas nur du pliajn kantojn, ne estas bezone ripeti la diritaĵon. Nur ĝoja fakto estas, ke tia verko jam elĉerpiĝis post unu jaro. Tio pruvas ke niaj germanaj samideanoj estas prave kantemaj malgraŭ malfacilaj vivkondiĉoj, kaj ankaŭ, ke la kolekto de S-ro Pillath kontentige respondis ĝeneralan deziron. Ĝi ja nedube meritas tiun sukceson.

**Poŝkalendareto por Esperantistoj 1923.** Kompilita de *Karl Minor.* Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 80 paĝoj, 8 × 12 cm. Prezo: Germanujo M 0,50 × ŝlosilnombro (nune 5000), aliaj landoj 0.50 sv. fr.

La kalendareto por 1922 estis favore akceptata kaj tio estas komprenebla. La nunjara do similas la lastjaran kaj estas samenhava: kalendaro kun spaco por notoj, diversaj tabeloj, artikolo pri Nürnberg, bonaj resumaj dokumentoj pri historio, organizaĵoj, societoj, ĵurnaloj esperantistaj, fundamenta gramatiko ktp. Multo en malampleksa, agrable kunportebla libreto.

**Fabeloj de Andersen.** Tradukis *F. Skeel-Giörling.* Esperanta Biblioteko Internacia N-ro 2 (13ª — 20ª miloj). Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 40 paĝoj, 9 ½ × 14 cm. Prezo: Germanujo M. 0.30 × ŝlosilnombro (nune 5000), aliaj landoj 0,30 sv. fr.

Ankaŭ tiu numero de l' bona malkara kolekto merite atingis novan eldonon. Post biografia noto pri Andersen, ĝi liveras kvin el liaj rakontoj, tre bone esperantigitaj, kaj sufiĉaj por konigi la manieron de l' fama dana fabelisto.

---

**Kiam vi skribas aŭ sendas monon al Universala Esperanto-Asocio, ne adresu al nomoj de personoj laborantaj en la oficejo!**

---

 ESPERANTISMO 

# Naciaj kongresoj.

## XIIa Belga Esperanto-Kongreso

Namur, 20—21 majo 1923.

Malgraŭ la striko de la fervojistoj, la belga nacia kongreso de Esperanto sukcesis en maniero tute ne atendita.

Dimanĉon matene, je la 10a, ĉirkaŭ 150 gekongresanoj, inter kiuj kelkaj Francoj kaj Holandanoj, estis oficiale akceptataj en la urbdomo. La reprezentanto de la urbestraro, ĉirkaŭata de multaj gekonsilantoj kaj urbaj ĉefoficistoj, alparolis tre afable kaj kuraĝige la kongresanojn kiuj trinkinte la honorvinon je l' sukceso de Esperanto, kunvenis en la teatro kie okazis la ĝenerala labora kunsido de la Belga Ligo. La raportoj montras, ke malgraŭ la nunaj malfavoraj cirkonstancoj, la belgaj samideanoj daŭre klopodas por disvastigi nian aferon. Pliaj novaj grupoj estis fondataj dum pasinta jaro.

La estraro de „Belga Ligo" varme rekomendis la uzadon de la raportoj de la „Ligo de Nacioj" pri enkonduko de Esp. en la lernejoj kaj de la „Komerca Konferenco" okazinta dum Pasko en Venezia.

S-ro L. Cogen, prezidanto de la kongreso, atentigis la ĉeestantaron pri la „Internacia Semajnoduo", okazonta en la „Monda Palaco" en Bruxelles, meze de aŭgusto proksima. Li faris varman alvokon por ke multaj samideanoj ĉeestu tiun gravan internacian kunvenon dum la esperantaj tagoj kiuj konsistos el propagandaj paroladoj en kaj por Esperanto kaj ke lertaj samideanoj, precipe nebelgaj, venu Bruselon, paroli en Esperanto pri iu ajn interesa temo, se eble kun lumbildoj. Jam kelkaj parolontoj promesis sian kunhelpon. La interesuloj sin turnu al S-ro L. Cogen, pacjuĝisto, 52 Drève, Ninove (Belg.)

La kongresanoj ekzamenis ankoraŭ kelkajn propagandajn rimedojn kaj poste okazis plej kora kaj entuziasma festeno dum kiu multaj toastoj estis proponataj.

Vespere okazis sukcesplena propaganda festo en la Kursalo de la urbo.

Lundon, la kongresanoj partoprenis diversajn ekskursojn inter kiuj vizito al la fama „Groto de Han" kaj vaporŝipa vojaĝo inter Namur kaj Dinant sur la riverego „Meuse" kiu trafluas plej pentrindan regionon.

Vespere, la kongresanoj disiĝis ege kontentaj pri tiuj du tagoj pasintaj en Esperantujo, kie ili enspiris novajn fortojn por daŭrigi sian pacan bataladon!

* * *

## XIVa Brita Esperanto-Kongreso

Bournemouth, 18—22 majo 1923.

Ĉirkaŭe 200 samideanoj partoprenis la 14an Kongreson de la Brita Esperanto-Asocio en la belega suda marurbo Bournemouth, sub la ĉiam bonhumora prezidado de S-ro John Merchant el Sheffield. Eksterlandaj gastoj estis gesinjoroj Bramkamp el Nederlando kaj D-ro Edmond Privat, ĵus fininte propagandvojaĝon tra diversaj urboj de suda, okcidenta kaj norda Britlando.

La kongreson malfermis la urbestro vendredon, 18an de majo en la malnova Drill Hall, antaŭ kies pordo mirigite staris du terurigaj kanonoj kvazaŭ kontrasta anakronismo kun la trafaj paroloj de l' urbestro pri paco kaj fratiĝo de popoloj. Poste parolis la prezidanto de la Komerca Ĉambro, S-ro Baker, kaj delegito de la Brita Unuiĝo por la Ligo de Nacioj, S-ro W. E. G. Murray, konata aviadisto, kiu resumis la laboron de la Ligo depost ĝia fondiĝo kaj interalie ĝian favoran raporton pri Esperanto. Li alvokis al intima kunlaborado de esperantistoj kaj „proliganoj" en la tuta mondo.

Poste D-ro Privat priskribis angle la lingvan malfacilaĵon ĉe la Ligo kaj Internacia Laboroficejo kaj klarigis la kaŭzojn kial ĉinoj kaj japanoj favoras Esperanton, la solvon ne nur oportunan sed justan de ĝenanta problemo. Esperante li salutis la kongreson kaj interalie F-inon Lawrence, pioniron de l' unua horo, kiu partoprenis, kaj Kolonelon Pollen, bedaŭrinde malsanan, sed al kiu flugas ĉies pensoj. Kortuŝe li rememorigis pri la mortintoj: Mudie, Bicknell, Moscheles, Rhodes, amikoj de nia Majstro. Muzikaĵoj kaj komuna kanto de l' Espero finis la vesperon.

Sabaton okazis kunsidoj de l' Sudokcidenta Federacio kaj de la Brita Debata kaj Literatura Societo, kiu zorgas en Britlando por pliperfektigi stilon kaj konon de nia lingvo per konkursoj, diskutoj ktp. Ĉies gratulon ricevis S-ro Edmonds pro sia senlaca kaj sukcesa laboro en la diversaj kampoj de nia movado. Posttagmeze ĝenerala kunveno de B. E. A. aŭdigis tre interesan raporton de la nova prezidanto S-ro Merchant kaj unuaniman dankon al la Komitato kaj Centra Oficejo en Londono pro ilia laboro dum la jaro. Ĉiam agema kaj pozitiva, la hon. sekretario S-ro Edmonds petis ankaŭ kritikojn kaj sugestojn. Mallonga diskuto sekvis kaj ankaŭ tuŝis la demandon pri Nürnberg. Organiziĝos brita ekskurso tien kun plena garantio pri oportuneco kaj komforto. La tuta elspezo ne superos dek funtojn ĉion inkluzive.

Sabaton vespere okazis granda publika propaganda kunveno, en kiu parolis angle D-ro Privat, S-ro Applebaum, F-ino Hogg, S-ro Percy Merrick, kaj esperante S-ro Merchant, kiu prezidis, S-ro Leakey kaj D-ro Privat, kiu aŭdigis kvaronhoron da sonore, flua Esperanto kiel lingvo vivanta kaj imprese belsona. Tre bonajn raportojn enpresis ĉiuj gazetoj pri tiu kunsido kaj cetere pri la tuta kongreso. Gravaj komitataj kunsidoj okazis sabaton kaj dimanĉon por diskuti kun D-ro Privat demandojn pri UEA, internacia agado ktp. Dimanĉon okazis diservoj en Esperanto ĉe la preĝejo „Sankta Triunuo" kaj ĉe „Kvakera Domo". Posttagmeze ĉiuj fotografiĝis en la bela ĝardeno de „Alexandra Hotel" kaj te-manĝis kun orkestra muziko en Drill Hall. Lundon okazis ekskursoj al Insulo Wight kaj Nova Arbaro. Vespere oni dancis. Mardon okazis gaja komuna tagmanĝo kaj la kongreso fermiĝis vespere lasante al ĉiuj partoprenintoj agrablan rememoron kaj kuraĝigon por la nova jaro de fervora laboro.

* * *

# VIIª Brazila Esperanto-Kongreso

Rio de Janeiro, 19—24 aprilo 1923.

Eksterordinare brila kaj fruktodona estis la Sepa Brazila Kongreso de Esperanto okazinta en Rio de Janeiro, de la 19ª ĝis la 24ª de aprilo, kiel memorigo de la Centjarfesto de l' Sendependeco de Brazilio. Ĝia Organiza Komitato konsistis el la fervoraj geesperantistoj D-ro Heitor Beltrão, inĝ. Pinto Pessôa, D-ro Carlos Domingues, S-ro Alcindo Terra, S-ro Antonio Vaz kaj F-ino Esther Bloomfield.

Akceptis la titolon de honora prezidanto de l' Kongreso D-ro João Luiz Alves, ministro de l' Enlandaj Aferoj, kaj D-ro Felix Pacheco, ministro de l' Eksterlandaj Aferoj.

Ŝtato Maranhao, kies prezidanto, D-ro Godofredo Vianna, jam estas konata kiel amiko de Esperanto, monhelpis la kongreson kaj sendis specialan delegiton.

Aliĝis al la kongreso, kiel patronoj, kaj sendis oficialan reprezentanton la jenaj Ŝtatoj: Amazonas, Pará, Piauhy, Rio Grande do Norte, Parahyba, Pernambuco, Alagôas, Sergipe, Bahia, Espirito Santo, Rio de Janeiro, Minas Geraes, Paraná, S. Catharina, Goyaz, Matto Grosso kaj Teritorio Acre.

19. — Je la 16ª okazis la prepara kunsido sub la prezido de D-ro Heitor Beltrao, dum kiu oni elektis la prezidanton de la kongreso D-ro Leonel Gonzaga da Fonseca. Je la 20ª ĉe la Palaco de l' Festo de la Internacia Ekspozicio okazis la solena malferma kunsido sub la prezido de D-ro João Luiz Alves, ministro de l' Enlandaj Aferoj. Ĝin ĉeestis la reprezentantoj de la Prezidanto de l' Respubliko, de l' Ministroj de l' Eksterlandaj Aferoj, de Milito, de l' Publikaj Laboroj, kaj de Agrikulturo, de l' Ŝtatoj aliĝintoj, de l' Ĉefepiskopo kaj de multaj gravaj asocioj.

Oni povas kalkuli ĉirkaŭ mil personojn kiel ĉeestintoj de tiu brilega kunsido, kiu superis ĉiujn antaŭajn okazintajn en Brazilio.

Faris bonegan paroladon la fama Jurnalisto Medeiros e Albuquerque, membro de la Brazila Literatura Akademio.

Poste parolis reprezentantoj de diversaj asocioj kaj tiujn de Ŝtatoj Maranhão, Pernambuco, Rio Grande do Norte, kaj Bahia, Dro, João Luiz Alves, fermante la kunsidon, diris ke li estas tre ravita pro tio ke li havis la plezuron prezidi la kongreson, ke lia ĉeesto, kiel ministro de la Publika Instruado, signifas ke la Brazila Registaro, kiu ĉiam rigardis simpatie la propagandon de Esperanto, daŭrigas doni sian moralan kaj materialan apogon al tiu tre utila lingvo.

Poste okazis koncerto, kiu estis multe aplaŭdita. La paroladoj, la kantoj kaj la muziko estas aŭdataj en la Ekspoziciejo pere de la Senfadena Telefono.

20. — Je la 16ª efektiviĝis la „Literatura Horo". kaj je la 19ª okazis esperantista vespermanĝo ĉe restoracio „A Vegetariana".

21. — Je la 9½, laŭ iniciato de la katolikaj kongresanoj, okazis, ĉe la preĝejo „Kruco de l' Militistoj", meso farita de l' kanoniko Francisco Mac-Dowell, kiu, je la Evangelio, eldiris bonegan paroladon kaj konsilis la fondon, en Rio de Janeiro, de Esperantista Katolika Ligo. Oni kantis la preĝon „Saluton, Mario" kaj esperantistajn kantojn.

Je la 13ª la kongresanoj efektivigis belegan promenadon al la supro de „Pão de Assucar".

La 22an kaj 23an okazis festoj tre sukcesaj, kaj la 24an je la 20ª, ĉe la belega salono de la Asocio de l' Komercoficistoj, okazis la solena ferma kunsido kun la ĉeesto de reprezentantoj de Ministroj, de 18 Ŝtatoj kaj de multaj asocioj.

Paroladis pri la „Vivo de Zamenhof" D-ro Venancio da Silva, vicprezidanto de Brazila Ligo Esperantista. Poste parolis la reprezentanto de Ŝtato Parahyba kaj rusa samideano.

D-ro Leonel Gonzaga, prezidanto de l' kongreso, faris malgrandan raporton per kiu li montris ke la Sepa superis la antaŭajn kaj dankis ĉiujn, kiuj per sia ĉeesto aŭ apogo briligis la kongreson.

D-ro Estacio Coimbra, vicprezidanto de la Respubliko, telegrafis al la prezidanto de la Organiza Komitato, gratulante lin pro la grandega sukceso de l' kongreso, kiun li ne povis partopreni pro foresto.

Poste okazis bonega koncerto, kiu finiĝis per la himno „La Espero", kantita de 25 fraŭlinoj.

Laŭ la diro de la tuta gazetaro, kiu detale priskribis pri ĉiuj okazintaĵoj, la kongreso tre favore impresis la publikon.

Estas inda je speciala referenco „Jornal do Commercio", la plej grava jurnalo en Brazilio, kiu dum sep tagoj dediĉis al la kongreso multajn kolonojn kaj publikigis ĉiujn paroladojn.

Estas ankaŭ notinda la fakto ke la ĉefaj komercaj asocioj aliĝis al la kongreso.

*Ĉefaj decidoj de l' Kongreso:*

a) Reelekti la estraron de Brazila Ligo Esperantista, kiu konsistas el jenaj personoj:

Prezidanto: Inĝ. A. Couto Fernandes.
Vicprezidanto: D-ro Venancio da Silva.
Ĝenerala sekretario: Inĝ. H. Motta Mendes.
1ª sekretario: S-ro Odillo Pinto.
2ª sekretario: F-ino Yrany Baggi de Araujo.
Kasisto: S-ro E. Felix Tribouillet.

b) Rekomendi ke la klera profesoraro brazila, ĉiam progresema, akompanu la fremdan profesoraron en la spertoj jam faritaj, por ke ankaŭ en Brazilio estu pedagogie montrata la valoro logika kaj morala de Esperanto.

c) Rekomendi la fondon en Rio de Janeiro de Esperantista Komerca Grupo.

d) Konsili ke la tuta laboristaro lernu la admirindan lingvon de la nemortebla genio Zamenhof.

e) Inviti ĉiujn tutmondajn esperantistojn por monhelpi, laŭ ilia povo, la subtenadon de Esperanta Ligilo.

f) Rekomendi al ĉiuj brazilaj esperantistoj la monkolekton por la monumento al Zamenhof starigota en Varsovio.

Estas ankaŭ aprobitaj multaj dankesprimoj.

* * *

*Asocioj neesperantistaj aliĝintaj al la Kongreso:*

Rio de Janeiro: Komerca Asocio, Societo de Geografio, Asocio de Komercoficistoj, Unuiĝo de l' Komercoficistoj, Centro de l' Kafkomerco, „Centro Paulista", „Centro Pernambucano". (Bonfarintaj membroj).

Brazila Katolika Unuiĝo, Asocio de Brazilaj Katolikaj Skoltoj, Centro de Komerco kaj Industrio, Nacia Societo de Agrikulturo, Ligo de l' Lignaĵartlaboristoj, Centro Spirita, Brazila Spirita Federacio, Unuiĝo de l' Laboristoj je Civila Konstruado, Klubo de Inĝenieroj, Societo de Medicino kaj Ĥirurgio, Ĉirkaŭaĵa Spirita Unuiĝo, Ligo de l' Komerco, Skolta Komitato de l' Centjarfesto.

En kelkaj ŝtatoj ankaŭ societoj neesperantistaj aliĝis al la Kongreso.

## Kongreso de Francaj Esperantistoj

Limoges, 19—21 majo 1923.

Modeste kaj tre sukcese organizita de S-ino Honorat, S-ro Lamant, S-ro Grenier kaj aliaj dankindaj sindonuloj, okazis en Limoges (19—21 majo) la jara kunveno de francaj esperantistoj.

Sabaton vespere en la Jura Lernejo, sub prezido de S-ro Duris, S-ro Cart taktoplene kaj konvinkige paroladis pri „franca patriotrismo kaj Esperanto" antaŭ 300 ĉeestantoj.

Dimanĉon matene, S-ro Beaumel (Del., Toulouse) prezidis kunvenon de l' francaj membroj de UEA: raportoj kaj proponoj prezentataj aŭ senditaj de S-ro Génermont (Komisionano, Moulins), S-ro Carles (Komitatano, Béziers), S-ro Gabert (Ĉefdel., Saint-Etienne), S-ro Poncet (Vic-ĉefdel., Lyon) estis unuanime aprobataj; temis pri devido de Franclando en teritorioj, komercaj konsuloj, anoncoj pri vinoj, stato de UEA.

La ĝenerala kunsido de S. F. P. E., sub prezido de S-ro Rollet de l' Isle, okupis la tutan posttagmezon, ĉar ĝi estis tre grava. En tre interesa kaj vigla diskuto, en kiu partoprenis ĉefe S-ino Honorat (Limoges), S-ro Couteaux (Paris), S-ro Cros (Perpignan), S-ro Cart (Paris), S-ro Lamant (Limoges), S-ro Archdeacon (Paris), S-ro Poncet (Lyon), S-ro Dubois (Paris), estis studata nova statuto de S. F. P. E., kiu de nun konsistos el federacioj, grupoj kaj izolitaj membroj; efektive tiu statuto estas fine voĉdonita sen kontraŭstaro; tamen voĉoj sin detenis dezirinte pli da liberalismo. Raportoj de S-ro Rollet de l' Isle pri la agado de la antaŭa komitato kaj de S-ro Cart pri la spezoj estis sendiskute aprobataj. Baloto konsistigas la novan komitaton el: S-ro Beaumel (Toulouse), S-ro Marly (Bordeaux), S-ro Archdeacon, S-ro Rollet de l'Isle, S-ro Cart (Paris), S-ro Vanverts (Lille), S-ro Decourt (Paris), S-ro Muffang (Angers), S-ro Eyquem, S-ro Le Cornec (Paris).

Ĉe festeno parolis S-ro Rollet de l' Isle, S-ro Lamant, S-ro Betoullę (urbestro kaj deputito), S-ro Duris, S-ro Eyquem, S-ro Couteaux. Sekvis intima festo. Artkantistoj el Limoges aŭdigis belajn popolkantojn en regiona dialekto. Membroj de la „Verda Kato" (F-ino Marga-Rineta, F-ino Jeannette, S-ro Schwartz, S-ro Dubois, S-ro Le Cornec, S-ro Gabory) plej sprite ĝojigis la ĉeestantaron per monologoj, scenoj, kantoj kaj revueto ĝis post noktomezo.

Lundon tutan okupis belega aŭtomobila promenado laŭlonge de la riveroj Vienne kaj Briance, dum kiu interŝanĝo de ideoj estis plej vigla kaj utila.

La organizantoj havis modestajn ambiciojn; sed ili plene meritas la varmajn dankojn, kiujn ili ricevis de la ĉeestantoj.

*- Urso -*

## Tra la Gazetaro.

*Nove aperis:*

**Esperanto** er Universalmidlet til Verdensfreden (Redaktorino: S-ino Magda Mammen, Grenaa, Danio).

**Aŭstra Esperanto-Raporto** (Administrejo kaj Redaktejo: Wien VI, Mollardgasse 55).

**Internacia Medicina Revuo** (Red.: Karl Mezei, Budapest VI. Teréz-Körut 4, Hungario).

**L' Interligo de l' P. T. T.** — Sindikata, Monata, Internacia Organo de la unueca poŝta federacio de Francio (Red.: Pierre Filliâtre 54, rue Custine, Paris 18).

**L' Esperantiste Révolutionnaire** (ancien Travailleur Espérantiste). Red.: Bourse du Travail, Troyes, Aube, Francio.

**Ukraina Stelo** reaperas. Adreso: Ivan Ĉepyha, Lypova 76 en Stanislavov.

**Dotnava Esperantisto,** hektografita bulteno (Red.: S-ro P. Guigalas, Dotnava (Litovio).

## Iª Kongreso de Iberiaj Esperantistoj

Valencia, 1—3 aprilo 1923.

Alvenis en Iberion nova forto kiam okazis en Valencia la Iª Kongreso de Iberiaj esperantistoj kiu montris plenan sukceson kaj gajnis varman favoron de la publiko — registara, religia kaj popola. Honore prezidis la kongreson lia reĝa moŝto Alfonso XIIIª; konsentis alveni Valencion kaj malfermi solenan katolikan diservon en la Preĝejo de Piaj Lernejoj kun parolado en Esperanto, lia moŝta pastro Majado el Madrid; alvenis kaj partoprenis fervore la kongreson delegitoj el Katalunujo kaj el ĉiuj urbaj federacioj, el Madrid, el Sevilla, el Zaragoza el Cadiz, el la Balearaj Insuloj, preskaŭ el ĉie, kaj apartenantaj al ĉiuj klasoj, de rondo intelekta ĝis la tre simplaj, sinceraj, laboremaj kaj fervoraj kamparanoj. Gastigis la kongresanoj ĉinan samideanon S-ro W. Kenn, delegito de la ĉinaj Komercaj Ĉambroj en la Internacia Komerca Konferenco de Venezia, kaj li, per sia flua parolado kaj facila interkompreniĝo kun la Iberiaj samideanoj, faris grandan propagandon antaŭ la publiko. La urbaj ĵurnaloj ankaŭ dediĉis grandan spacon al la kongreso.

Komencis la solena malferma kunsido de la kongreso la 17an de majo, posttagmeze, en la Paranifo de la Universitato. Ĉeestis preskaŭ 500 partoprenantoj, kaj ankaŭ la urbaj aŭtoritatoj. Prezidis S-ro Jordona malferminte la kongreson, kaj legis oficialan raporton S-ro Pino kiel sekretario. Salutis la kongreson delegitoj el ĉiuj federacioj, kaj poste parolis S-ro Kenn en Esperanto kun traduko de S-ro Maynar en hispana lingvo. La aspekto estis solena kaj sukcesplena, dum la kunsido finiĝis per la ludo de „L' Espero" de la urba muzikistaro. La sekvantajn tagojn, la 18an kaj la 19an, malfermiĝis laborkunsido en la Scienca Ateneo sub la prezidanteco de S-ro Pino. La kongreso akceptis post agrabla diskutado diversajn proponojn, el kiuj la starigo de Konfederacio de Iberiaj Esperantanoj kaj ĝia organizo estas la plej grava. Nun ni havas por la tuta esperantistaro de Iberio grandan konfederacion kiu signifas gloran estontecon de nia movado kaj en kiu oni trovas novan forton kaj novan vivon. La enkonduko de Esperanto en la Oficialaj Lernejoj estis samtempe celita de la kongreso. Ni esperas, ke ĝi bone sukcesos, kaj krom tio ankaŭ estas propono pri Hispana Esperanto-Vortaro kaj propono pri praktika uzado de Esperanto en la venonta Scienca Kongreso en Salamanca. Intertempe oficiale regalis la kongresanojn la urbestraro per lunĉo en la Urba Palaco de la Ekspozicio, okazis Katolika Diservo kaj esperanta parolado en la Preĝejo de Piaj Lernejoj, kaj la kongresanoj inaŭguris la marmoran ŝtonon kiun la Grupo Esperantista Valencia dediĉas al Piaj Lernejoj, kiel memoraĵo al la nesto de Esperanto en Valencio — ĉio kio okazis plenigis la urbon per atmosfero de Esperantismo kaj kreis inter la popolo novan kredon je la supera idealo kaj praktika uzado de nia lingvo.

---

**Vi
parolas
pri centmiloj
de Esperantistoj!
Pruvu ke estas almenaŭ ses mil.
UEA bezonas 6000
membrojn!**

☆ ☆
☆

# VIIIa Internacia Katolika Esperanto-Kongreso de I. K. U. E. Nürnberg 1923.

## 1. 2. 3. Komunikoj.

1. L. O. K. La loka organiza komitato konsistas el jenaj personoj:

1. S-ro Eklezia konsilanto Eduard Becker, Breslau, prezid.
2. Urbkaplano J. Stahl, 1a vicprezidanto.
3. S-ro D-ro R. Ledermann, profesoro, 2a vicprezidanto.
4. S-ro oficisto J. Ehard, ĝenerala sekretario.
5. S-ro profesoro G. Buckl (gazetaro).
6. S-ro fabrikanto A. Beilein, kasisto.
7. S-ro komercisto Schramm (loĝigo).
8. S-ro komercisto K. Keuling (akceptejo).
9. F-ino Ida Mezger (plezuraĵoj).

2. **Templimo:** La VIIIa okazos de la 28a de julio ĝis la 2a de aŭgusto 1923.

3. **Kongreskotizoj:** Belgoj 10 frankoj, britoj 7 ŝilingoj, danoj 7 kr., ĉeĥoslovakoj 16 kr., finnlandanoj 25 fmk., francoj 10 fr., hispanoj 8 ps., italoj 16 lr., nederlandanoj 3 fl., norvegoj 7 kr., svedoj 5 kr., svisoj 7 kr., usonanoj 1,5 dol., germanoj, aŭstroj, hungaroj, poloj kaj rusoj 1500 gmk.

4. **Aliĝoj:** Aliĝis ĝis fine de aprilo 125 gekongresanoj el sep landoj. Bela arta kongreskarto estas sendpreta.

5. **Konferencprogramo:** La starigo de la konferencprogramo estas rezervata ekskluzive al la estraro de I. K. U. E. Ĉiuj kongresproponoj estas sendotaj kiel eble plej rapide almane de Ĝenerala sekretario P. A. Schendeler (Eindhoven, Nederlando, Prins Hendrikstraat 30), por ke ili estu ĝustatempe pristudataj kaj transsendataj al la episkopo por aprobo. Ĉiuj prezidantoj kaj sekretarioj de la landaj ligoj (speciale de Italio kaj Hispanio), same la individuaj membroj el Anglio, Belgio, Ĉeĥoslovakio, Danio, Francio, Hungario, Palestino, estas insiste petataj sendi al la ĝen. sekretario la membraron, resp. la kotizon por 1923, ĉar alie ili ne povus partopreni la voĉdonadon dum la ĝenerala kunveno.

6. **Kongresaranĝoj:**

*Sabaton,* la 28an de julio: Interkonatiĝa vespero.

*Dimanĉon,* la 29an de julio: Solena diservo kun prediko de pastro Kozma. Solena malferma kunsido, elekto de la estraro, publikigo de la laborprogramo. Komuna festtagmanĝo. Posttagmeze ekskurso al la ĉarma altaĵo Schmausenbuck. Vespere propaganda aranĝo por la katolika loĝantaro.

*Lundon,* la 30an de julio: Diservo por la mortintoj kun prediko de pastro Violi-Piza (Italio). Unua laborkunsido. Posttagmeze promenado tra la urbo. Vespere preĝeja koncerto en la historia ejo de la Nürnbergaj majstrokantistoj (Katarina preĝejo).

*Mardon,* la 31an de julio: Dua laborkunsido. Ĝeneralkunveno de la akciuloj de E. K. Vizito al la muzeoj. Posttagmeze kaj vespere komuna kunsidado en la Urba Parko.

*Merkredon,* la 1an de aŭgusto: Tuttaga ekskurso al la ĉefepiskopa rezidejo kaj pentrinda urbo Bamberg.

*Ĵaŭdon,* la 2an de aŭgusto: Tria laborkunsido kun solena fermo. La oficiala kongresejo estas la Katolika Hospico, ĉefkunvenejo de la Nürnberga katolikaro.

7. **Aŭdienco:** Lia ekscelenca Moŝto, eparkia ĉefepiskopo D-ro Jakobo von Hauck en Bamberg, bonvolis akcepti la 22an de aprilo la du vicprezidantojn de L. O. K. en oficiala aŭdienco. Informinte sin pri la celoj de I. K U. E. li esprimis sian intereson kaj bonvolon por nia VIIIa kaj promesis, se la cirkonstancoj iel permesos tion, persone ĉeesti almenaŭ unu kunsidon.

8. **Donacoj:** La L. O. K. ricevis ĝis nun de bonvolaj favorantoj kiel donaco por la kongreskaso entute 7900 gmk., 33500 aŭstr. kr., 1500 hung. kr., 16½ fl., 9 ĉeĥ. kr., 4 liroj, 0,5 fr., 15 pes. Ni dankas kore kaj petas pluan financan subvencion en intereso de bonsukcesa kongreso.

9. **Loĝigo:** Por loĝigi la kongresanojn kiel eble plej oportune, la I. O. K. zorgos prefere pri havigo de senkostaj kaj malmultekostaj privatloĝejoj.

10. **Studentoj:** Kelkaj junaj studentoj intencas starigi dum la VIIIa int. Ligon de Katolikaj Studentoj. Tiuj kiuj volas kunlabori al tiu ĉi afero, bonvolu sciigi tion al la Ĝen. Sekretario de I. K. U. E.

11. **Propagando:** Kiu ne aliĝis, aliĝu tuj kaj diskonigu ĉie nian VIIIan. Aliĝiloj laŭdezire haveblaj.

12. **Korespondado:** Por eviti konfuzojn, oni adresu ekskluzive: Katolika Esperanto-Kongreso Nürnberg.

*Loka Organiza Komitato.*
*Johannes Stahl,* I. vicprezidento.

---

# Informilo de Esperantistaj Societoj.

☆

## Svisa Esperanta Societo.

La Centra Komitato ricevis interesajn raportojn el Bern, Zürich, St. Gallen, Lyss, Locarno, Montreux kaj sincere dankas ĉiujn skribintojn. Kelkaj grupoj aranĝis komunajn ekskursojn: St. Gallen kun Rorschach; Lyss kun Bern kaj Burgdorf.

En Bern S-ro J. Perlet faris lumbildan paroladon ĉe Laborista Societo kun rezulto ke kelkaj ĉeestantoj sekvos kurson ĉe la Kompletiga Lernejo de la Berna Oficistaro.

En St. Gallen S-ro Fischer faris paroladon pri la Venezia Konferenco.

La grupo de Rorschach bedaŭrinde perdis kelkajn membrojn kiuj foriris Amerikon. Ni esperas ke aliaj prenos sur sin la gvidadon de la grupo. La 11 aprilo la grupo ekskursis al Herisaŭ kie S-ro Fischer faris sukcesplenan propagandparoladon. 8 kursoj malfermiĝis la saman vesperon kaj la lerneja komisiono metis lernejajn ĉambrojn je la dispono de la kursoj.

En Lugano S-ro F. Isella gvidas kurson ĉe la Komerca Ĉambro.

En Locarno kurso estas gvidata en urba lernejo de F-ino Molinari.

En Bellinzona S-ro Pedroli gvidas kurson kun 42 lernantoj en la Komerca Kantona Lernejo.

Fine la C. K. ĝojas anonci la fondiĝon de Esperanta grupo en Baden, kies prezidanto estas S-ro Alfred Egg. La nova grupo akceptu niajn korajn gratulojn kaj bondezirojn.

La sekretariino: *Alice Diekmann.*

# Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista.

*Al Honora Komitato de Ĉeĥosl. Asocio Esp. aliĝis 60 ĉeĥaj eminentuloj, inter ili 3 ministroj, 20 profesoroj de universitatoj kaj teknikaj altlernejoj, verkistoj, artistoj, ĵurnalistoj, membroj de Ĉeĥa Akademio de sciencoj kaj artoj, deputitoj kaj senatanoj. Nombro de la membroj de ĈAE pligrandiĝis en 1922 je 30%.*

La 25 marto 1923 okazis en Praha la IV. ĝenerala kunveno de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, kiun partoprenis 60 samideanoj el 14 lokoj de la respubliko. El la prezentitaj raportoj ni citas:

Raporto de S-ro *Hromada*, ĝenerala sekretario, pri la laboroj de ĈAE en la lasta jaro: Asocio aranĝis la I. kongreson de esperantistoj el ĈSR kune kun la Ligo de germanaj esper. Rezultato estis fondo de IDR [internacia delegitaro respublika] komitato de 6 personoj preparantaj komunajn entreprenojn de tutregna signifo. — Asocio aranĝis statistikan enketon pri instruado de Esperanto en mezgradaj kaj fakaj lernejoj por prezenti la materialon al la Pedagogia konferenco en Genève. — Aranĝis paroladon de Prof. Bovet, direktoro de la Pedagogia instituto J. Rousseau, kune kun Filozofia Societo kaj Franca Klubo. — Respondis detalan demandaron de la Ligo de Nacioj pri esper. movado. — Sukcesis havigi vizan rabaton por partoprenantoj de la kongreso en Helsinki. — Eldonis diversajn flugfoliojn, inter ili tiun de D-ro Kamaryt: L. I. kaj aŭtoritatoj. — *Eldonis 3000 ekz. de la ĉeĥa traduko de la raporto pri Esp. en la Ligo de Nacioj kaj dissendis ĝin al ĉiuj personoj eminentaj en la publika vivo.* — Starigis honoran komitaton por subtenigi la movadon. La rezultaton ni citas en la titolo. Detaloj estos ankoraŭ sciigitaj. — Eldonis ĉeĥan tradukon de Manifesto al instruistaro de la tuta mondo. — ktp.

Membrolibro de ĈAE enhavis fine de la lasta jaro 1270 membrojn. Kompare kun la nombro 930 en 1921 ĝi signifas kreskon de 340 novaj, do 30%.

Raporto de S-ro *Ginz*, gvidanto de la Propaganda Sekcio de ĈAE: 176 membroj aliĝis, pleniginte specialan demandaron kaj esprimınte konsenton dediĉi *unu duonhoron semajne* por laboroj de P. S. Krom samideanoj de Praha, 44 membroj kunlaboris konstante. Al ili ni sendis po 78 notoj pri progresoj de Esperanto kaj ricevis de ili 265 gazetnumerojn, enhavantaj represon, plue 138 artikolojn pri Esperanto kaj 126 notojn pri kluba agado. El ĵurnaloj de Praha krom tio 431 notoj pri progresoj de Esperanto, entute por 1922 ni ricevis pruvojn pri 960 notoj en 115 gazetoj. Ni ne kalkulas la gazetojn, kies eltranĉaĵojn ni ne ricevis. — Ekspozicia materialo migris de unu loko al alia. — P. S. helpis starigi ekspozicion de 105 gazetoj esp. en I. internacia ekspozicio gazetara en Praha, decembro 1922.

Laŭ la raporto de F-ino *Vlčková* ĈAE kolektis por malsatantaj rusaj samideanoj Kč. 4000.— kaj forsendis por ili 25 paketojn kun manĝaĵo kaj 3 paketojn kun vestoj. Bedaŭrinde neniu el la ricevintoj informis nin senpere kaj tiel ni havas sole oficialajn kvitancojn de la Petrograda Grupo.

Laŭ la raporto de D-ro *Kamaryt* la ekzamena komisiono de ĈAE kunvenis dufoje kaj donis 2 atestojn pri kapableco instrui kaj 3 pri scio de Esperanto. — Ekzamena Regularo estis eldonita prese.

Laŭ la raporto de S-ro *Novák*, kasisto, ĈAE enspezis kotize Kč. 2324.—, donace Kč. 5714.—, profito de teatra prezentado Kč. 1422.—, profito de librovendado Kč. 408.—. Preskaŭ ĉion oni eldonis por propagando kaj preso de la broŝuro kaj flugfolioj. Sekve de tio la kunveno post pli longa debato unuanime akceptis la proponon, ke la membroj de ĈAE krom la kotizo pagu *unu kronon monate* por la propaganda fondo. Per tiu ĉi relative malgranda oferdono ĈAE povus disponi la notindan sumon 12.000 Kč. jare.

Fine ni citas, ke la kunveno konsentis kun la propono de S-ro *Hromada*: Esprimi al Esperantista Akademio bedaŭron pri tio, ke por la novaj elektoj de LK-anoj la Akademio mem starigis la kandidatan liston por la ĉeĥa lingvo, neniel demandinte opinion de ĈAE.

*Hmd.*

# Esperantista Literatura Asocio.

*Junia raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

Kial ne ĉiuj verkistoj, redaktoroj kaj recenzistoj apartenas al la Esperantista Literatura Asocio? Jen grava demando! Kiam en 1911 la Asocio fondiĝis, la antaŭlaboro konsistis en tio, ke oni kolektis la nomojn de ĉiuj tiamaj verkistoj; alfabete ordigitaj ili plenigis 3 ampleksajn kajerojn. Unu samideano tiam diris: „Ni Esperantistoj ĉiuj estas verkistoj!“ Efektive, kiu finlernis nian lingvon, tiu provas ion verki, ĉi tio estas natura kaj laŭdinda agado. Oni sendas la verketon al gazeto, se ĝi estas sufiĉe interesa, lerta redaktoro ĝin redaktas: jen nova aŭtoro estiĝis! Baldaŭ li pliperfektiĝas kaj eble verkas libron. Nun estas konsilinde, ke antaŭ la presado la E. L. A. kvazaŭ redaktu la manuskripton. Tial estas necese, ke E. L. A. kompleze kaj ĝentile eklaboru kaj tial estas dezirinde, ke multaj esperantistaj majstroj aliĝu al E. L. A., por ke ne manku fidindaj kontrolantoj. La libro estu kiel eble plej perfekta, kvankam vera perfekteco estas malofta, preskaŭ neebla sur tero, sed oni povas kaj devas klopodi akceladi perfektecon. Estas bonŝanco, ke ni vidas eraron pli facile en fremda verkaĵo ol en la propra, akra okulo kaj literatura talento estas dezirindaj. Samideanoj, kiuj posedas ĉi tiujn kvalitojn, aliĝu al la E. L. A. Ili legu la nomaron de nia asocio en la „Decembra raporto“ (1922, Nr. 268 de tiu ĉi gazeto). Ili afable tuj kompletigu la liston per sia nomo. Ni nepre bezonas kompetentajn kunlaborantojn. Niaj plej lertaj samideanoj estas tre okupataj, ofte ili mem estas verkantaj literaturaĵojn kaj efektive ne povas oferi tempon por la kontrolado de fremdaj manuskriptoj. Sed kiam ili finis sian verkon, ili malegoiste eklaboru por nia asocio; afable kaj tamen severe por ke la aŭtoro ne timu la kritikon.

Cetere ni aldonas, ke pli ol unu fojon ni resendis manuskriptojn, kiuj enhavis tro multe da eraroj, ne kontrolinte ilin. Al la romano „Krucumo“ E. L. A. rifuzis rekomendon pro la peza, ne facile komprenebla stilo.

Nia kolego J. Mačernis (Kaŭnas, Litovio, Ukmergespl. 45) petas, ke ni atentigu niajn literaturistojn kaj eldonistojn pri grava manko en nia literaturo. Li skribas: „Mankas kolekto de niaj plej belaj versaĵoj: Perloj de Esperanta Poezio. Ĉiu Esperantisto scias, kiom da konsolo, kuraĝigo kaj entuziasmo ni ĉerpas el la originalaj poemoj de nia Majstro kaj de aliaj pioniroj de Esperanto. Multaj el niaj trezoroj estas dissemitaj en diversaj ĵurnaloj aŭ en jam ne haveblaj broŝuroj, kaj tial ne utilas kiel vivigantoj de nia movado.“ Al tio ni aldonas konsilon, ni proponas, ke la „Perloj“ aperu je formo de ĉeno, tio estas, je serio de broŝuroj, ĉiujare unu volumeto povos aperi. La ĉeno povas esti senfina.

En nia listo (Decembra raporto, 22 Nr. 268) mankas la nomo de nia kolego H. Poensgen. Lia nuna adreso estas Tannenhof ĉe Luettinghausen, Rhl. Li estis malsana, sed nun denove povas labori por E. L. A. S-ro Leono Funken fintradukis la rakonton „De trans la maro“ de Th. Storm. Post fajlado li sendos ĝin por ekzamenado.

Nia ano, S-ro Krestanoff en Dresden (Wintergartenstr. 9) tradukis kun afabla permeso de l' aŭtoro S-ro Vladimir Poljanov: *„Tri simbolistaj rakontoj“* (Morto, Erich Reiterer, La nigra domo). En ili estas montrataj en la homo tiu nevidebla frenezo, kiun

havas ankaŭ la plej normala homo, tiuj malhelaj fortoj en nia estaĵo, kiujn ni nur tial ne povas kontraŭbatali, ĉar ni ne scias kie ili estas, nek havas la rimedojn ekscii tion. La tradukinto serĉas eldoniston por tiu bela verketo.

La Sudgermana Esperanto-Eldonejo Oskar Ziegler (Deisenhofen bei München) sendis sian Esperanto-Katalogon N-ro 7 kun liverkondiĉoj por ekstergermanaj landoj. Ni aĉetu kaj ni legu! En la sama eldonejo aperos tre grava verko de nia kolego S-ro Hans Koch: „La Esperantisto en Germanio.“ Al ĉiu en Germanujo vojaĝanto esperantista la libro estos tre utila lingva gvidanto, ĉefe dum kaj post la Nürnberga Kongreso. La prezo ne estas nun fiksebla, sed mendantoj, kiuj kunsendos kun la mendo 2 sv. fr. aŭ similan sumon ricevos 2% da rabato. Oni bonvolu tuj mendi ĉi tiun utilegan 200 paĝan libreton.

La Sennacieca Asocio Tutmonda sendis honorekzempleron lukse binditan de: *Goethe, Faŭsto I*, trad. de Norbert Barthelmess. Grava okazintaĵo en Esperantujo, rimarkinda kaj dankinda fakto.

S-ro Eugen Wüster dediĉe sendis: La Oficiala Radikaro kun enkonduko kaj notoj. Esp.-Eldon. Ellersiek & Borel.

Kotizon sendis: F-ino J. Flourens, S-roj R. Beck, B. Bergit, J. Schenkel, K. Minor. Ni nur ĉi tie kvitancas.

*Marie Hankel*, Dresden, Nicolaistr. 18.

* * *

*Aldono.* S-ro N. V. Nekrasov nin sciigas, ke pro diversaj kaŭzoj li jam ne povas esti sekretario de la Rusa Sekcio de la E. L. A. Ĉiujn devojn pri la Sekcio havos de nun nur S-ro Polakov (en n-ro 267, 22 de „Esperanto“ estis la nomaro de la Rusa Sekcio). S-ro Nekrasov skribas: „Krome mi opinias, ke ekzistado de la Rusa Sekcio, dum mankas alilingvaj, ne estas sufiĉe normala.“ Ĉi tio memorigas al ni la fakton, ke nia samideano S-ro Henning Halldor, Stockholm, en aŭgusto 1922 volis fondi komisionon por la eldonado de el sveda lingvo tradukotaj verkoj. Li demandis, ĉu li povos nomi la komisionon Sekcio de E. L. A. Ni tiam petis S-ron Halldor, ke li prokrastu la aferon, kaj ke li unue mem aliĝu al nia Asocio. Li ĉi tion ĝis nun ne faris, ni lin petas, ke li denove korespondu kun ni.

*Marie Hankel.*

# TRA LA FAKOJ

## Internacia Esperanta Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj.

La nove fondita unuiĝo havas jenajn celojn: kunigi la koncernajn samideanojn, disvastigi Esperanton inter liberpensaj kaj monistaj rondoj, aranĝi fakkunsidojn dum la diversaj naciaj kaj internaciaj esperantaj kaj liberpensulaj kongresoj, eldoni gazeton. Rilate al politiko kaj nacieco la ligo estas neŭtrala. La kotizo 1923 ne estas fiksata; pago laŭplaĉe. Hodiaŭ la ligo havas preskaŭ 100 membrojn el ĉiuj mondpartoj inter kiuj troviĝas multe da eminentuloj de la Esperanto- kaj liberpensula movado. Ĝi estas membro de la „Internacia Liberpensa Laborsocieto“ kaj aranĝos dum la venonta Esperanto-mondkongreso en Nürnberg fakkunsidon de liberpensuloj en la ĉeesto de la tieaj neesperantistaj liberreligianoj kaj monistoj. Kiel organo la ligo alprenis la gazeton „Novaj Tempoj“. Aliĝon sendu al S-ro Kurt Hubricht, Leipzig-Neustadt, Mariannenstr. 30, III. Poŝtĉeka numero 43808 Leipzig.

* * *

## La esperantistaj stenografistoj.

Kelkaj gekolegoj — esperantistoj kaj stenografiistoj — formis provizoran komitaton, por celi la kreon de Internacia Asocio de esperantistaj stenografiistoj.

Tiu asocio laboros por propagandi Esperanton en la stenografiistaro, kaj stenografion en la esperantistaro.

Tiu societo zorgos same por instrui la junajn kolegojn, kiuj volos stenografi la internacian lingvon; por prisciigi siajn membrojn pri la disvastigo de l' stenografio en la diversaj landoj; por la verkado de teknika vortaro ktp.

Nune, la provizora komitato eldonas „Rondirantan Gazeton“, atendante kiam la societo estos fondita kaj iom forta, por eldoni pli gravan gazeton teknikan.

Kiu volas helpi la starigon de tiu asocio — kies kotizo kostos malkare — estas petata sin turni al la provizora sekretario: S-ro P. Flageul, 9, Boulevard Voltaire, en Issy (Seine), Franclando.

Aliaj gazetoj bonvolu represi.

## Al la tutmonda juristaro.

En la vivo de ĉiuj popoloj la juristoj ludas gravan rolon, kiel gardistoj de l' rajto. Ilia laboro limiĝas ne nur je la juĝeja agado; ili estas danke al posedata scienco de publika vivo pli kompetentaj ol aliaj en ĉiuj flankoj de socia agado; tial plej bonaj politikistoj, plej seriozaj publicistoj estas ĉiam: juristoj.

Bedaŭrinde tamen ĝis nun la jurscienca instruado estis ĉiam tro nacia. En universitatoj la alilanda juro estas ĉiam studata nur iomete kaj estas pro tio forgesata tuj post la ekzamenoj. Dumtempe vivkondiĉoj ŝanĝiĝis kaj nun pure jurscienco ne plu sufiĉas. Iam apenaŭ rimarkeble privata internacia juro nun iĝis grava parto de leĝo cienco. Fondiĝas novaj ŝtatoj, kreiĝas novaj leĝaroj, kiuj devus kontentigi ĉiujn novkunigitajn popolojn, sed juristoj ne plu estas sufiĉe kompetentaj, ĉar ili estas tiaj nur en ŝtato, kie ili studis jursciencon.

Aliflanke internacia komerco kreskas ĉiutage kaj certe kreskos ĉiam pli kaj pli, ĝi ja estas nuntempe la sola egaligilo de diverslanda ekonomia vivo. Komerco kreas milojn da demandoj pure juraj, kiujn nacia juristo ne estas kompetenta por solvi.

Ni, juristoj-esperantistoj, troviĝas en pli bonaj kondiĉoj ol niaj neesperantistaj kolegoj. Ne limigitaj per nacia lingvo, ni ĉiam povos trovi kunlaboranton inter kolegoj de fremda lando ĉu por praktika demando, ĉu por scienca materialo. Por efektivigi tiun kunlaboradon ni nur devas organiziĝi, por ke ĉiu el ni sciu, kiuj estas liaj ĉiulandaj kunlaborantoj.

Ankaŭ ofte la juristoj de ia lando, ĉu laborante por krei novan leĝon pri iu speciala vivdemando, ĉu kodifikante la leĝojn de ia ŝtato, kliniĝas antaŭ kvazaŭ ne forigeblaj malfacilaĵoj, — tute ne sciante, ke en la ŝtato, kies lingvo ne estas sufiĉe konata fremdlande, en la similaj kondiĉoj oni solvis la saman demandon tute kontentige. La organizacio de esperantistoj-juristoj povos al ni faciligi la taskon, publikigante, per helpo de siaj membroj ekz., novajn gravajn leĝojn de ĉiuj landoj en speciala esperantlingva bulteno.

Krome per nia internacia jurista organizacio ni devas peni propagandi Esperanton en la internaciaj asocioj de juro kaj de sociaj sciencoj, same kiel enirigi ĝin en la internaciaj kongresoj de tiu aŭ alia fako de jurscienco.

Do nia tasko devas esti: 1. praktika: unuigo de ĉiuj juristoj, uzantaj Esperanton, por ĉiuspeca praktika profesia interservado, 2. scienca: elvolvigado de jurscienco per Esperanto, 3. propaganda: propagando de Esperanto en juristaj rondoj.

Refleŝiĝante pri la formo de nia organizacio, interkonsente kun la Internacia Scienca Asocio, ni decidis ne fondi ian specialan Asocion de juristoj, kiu en nia stato de esperantista movado estus tro malforta, sed aliĝi al la jam forta Internacia Scienca Asocio, kiel sekcio, same kiel kuracistoj, pedagogoj, teknikistoj ktp.

Laŭ nia scio ekzistas kelkaj centoj da esperantistoj-juristoj. Ni jam havas adresojn de pli ol 115 konataj esperantistoj-juristoj.

Ni opinias la Internacian Societon da esperantistoj-juristoj, kiu depost la komenco de la mondmilito donis nenian signon de vivo, kiel finiĝintan, kaj ni penos preni sur niajn ŝultrojn la daŭrigon de ĝia agado, petante ĝiajn ĉefojn aliĝi al nia sekcio kaj plifaciligi al ni la taskon per komuna kunlaborado. (La taskon de jura terminologiisto promesis akcepti S-ro D-ro Walter Lippmann, prokuroro, Leipzig, Germanio.)

Ni do invitas ĉiujn kolegojn juristajn-esperantistajn, same kiel studentojn de juro, kiuj deziras aliĝi al la Jurista Sekcio de Internacia Scienca Asocio, ke ili komuniku siajn nomon, adreson kaj profesion al la Sekretario-Kasisto de la Jurista Sekcio de Internacia Scienca Asocio S-ro Józef Litauer, Warszawa (Polio), Marszalkowska 81, sendante al li la kotizon al I. S. A., nome: Aŭstr., Est., Let., Litov., Turk., Rusl. 40 g. m.; Arg., Jap., Per. 3 pes., yen, sol.; Belg., Braz., Franc. 8 fr., milr., Brit., Sved. 4 ŝil., kr.; Bulg., Rum. 20 lev., lej.; Ĉil., Grek., Jug. 10 pes., drahin., din.; Dan., Hisp., Nor., Svis. 5 kr., pes., fr.: Ĉeĥ., Finnl. 18 kr., mark., Germ. 32 g. mk.; Hung. 120 kr.; Kanad., Usono 1 dol.; Ned. 2,5 guld.; Pol. 600 mark.

La 5-an de septembro 1922.

La sekciestro:
Georgo Wilken, advokato, Aleksandrio (Egipto).

La Sekretario-Kasisto:
Józef Litauer, subprokuroro de Distrikta Tribunalo
Warszawa (Polio), Marszalkowska 81.

## Ekspozicioj.

En Ostrava okazos la 15-an de junio t. j. grandega Industria kaj Popoleduka Ekspozicio ĝis fino de julio, kiun partoprenos niaj esperantaj kluboj de la ĉirkaŭaĵo de Ostrava-Opava. Por nia esperanta fako estas fiksita tuta granda ĉambrego kaj ni devas nian movadon inde reprezenti; kaŭze tio ni petas vin, pruntu al ni esperantaĵojn: precipe librojn, gazetojn, reklamilojn, standardojn, flagetojn k. a.; instruhelpilojn, vidaĵkartojn, diagramojn. Ĉion garantias la subskribitaj kluboj kaj „Kulturní rada“ (Kultura Konsilantaro) en M.-Ostrava. Adreso: „Klubo Esperantista“, Vítkovice (Moravio).

Sciigu tuj vian decidon, ĉu vi konsentas kun kunvoko de l' „Unua Labortago de Distriktaro XIV-a“ en Mor.-Ostrava je la 8-a de julio 1923.

Sendu adresaron de l' konataj esperantistoj kaj amikoj el via ĉirkaŭaĵo por fondi precizan nomaron.

Altestime kaj sincere
Klub Esperantistů Hádankářů a Šachistů
z Ostravska ve Vítkovicích (Morava).

* * *

Ni decidis aranĝi esperantaĵan ekspozicion. Por ke ĝi estu pli riĉa ni petas ĉiujn gesamideanajn redaktejojn de esperantaj gazetoj, ke ili bonvolu alsendi po ekzemplero de gazetoj; kaj ĉiuj gesamideanoj estas petataj alsendi almenaŭ unu ilustritan poŝtkarton.

Ĉiuj redaktejoj estas petataj, ke ili represu — senpage — tiun ĉi anonceton.

Esperanta Klubo Janjina Dalmacio, Jugoslavio.

* * *

Nunjare 22. VII. — 5. VIII. en Riga okazos III. Internacia Specimeno Foiro. Unuafoje en Latvio oni donis al esperantistoj senpage lokon por elmeto de esperantaĵoj.

La latvia esperantistaro sin turnas al ĉiu esperantisto kun la peto — sendi pruntedone esperantajn librojn, broŝurojn, sciencajn, literaturajn, artajn, teknikajn k. a. plakatojn, afiŝojn, prospektojn, prezlistojn, reklamojn, anoncojn. Precipe ni petas la internaciajn foirojn — uzantajn Esperanton — ne rifuzi kaj sendi specimenojn de siaj esperantlingvaj presaĵoj. Ankaŭ gvidlibrojn esperantajn, markojn, specimenoj de poŝtpaperoj, poŝtkartoj kaj ĝenerale ĉion ajn havantan ian rilaton al Esperanto.

La ricevitaj eksponaĵoj estos severe kaj akurate konservotaj kaj dankeme resendotaj. Siaflanke la latvaj samideanoj promesas similan pruntedonon al ekspozicioj esperantaj de aliaj landoj, kie nia movado estas malforta. La eksponaĵojn malnecesajn kaj superfluajn al la sendinta oni surskribu „donace“.

Riga Esperanta Societo.



## LINGVAJ STUDOJ



### Amaso, pilo, monteto.

**Amaso** estas granda nombro da aĵoj aŭ uloj, senorde kunigitaj, kune gardataj intermikse, aŭ laŭhazarde ĵetitaj en malvastan lokon. Ekz.: *amasiĝi riĉaĵojn; homamaso; popolamaso; amaso da antikvaĵoj.*

**Monteto** estas konusa amaso. Ekz.: *monteto da sablo.*

**Pilo** estas aro da objektoj, metitaj unu sur alian, formantaj vertikalan kolonon. Ekz.: *pilo da libroj; pilo da moneroj; pilo da brikoj; pilo da skatoloj.* Tiu nova radiko jam ekzistas kaŝite en niaj vortoj: *kompili, pilono, pilastro, Propileoj, pilorio.*

Ŝajnas ke ni ne bezonas novan radikon por traduki komunan vorton, kiu ĉe francoj estas *tas,* ĉe rusoj *kuĉa, tolpa, ŝajka.* Por diversaj nuancoj de tiu vorto ni povas oportune uzi: amaseto, areto, araĉo, fiaro, bandeto, grupaĉo, fibando, figrupo, ularo, k. c. kombinaĵoj laŭplaĉe elekteblaj.

*Petro Stojan,* L. K.

---

### Lingvo — vivanta organaro.

Forprenu homon el la socio, ĝi idiotiĝos. Analizu glandon, ŝiritan for de l' korpo, sendepende de l' korpovivo, oni nenion komprenos. Similkaŭze malsukcesis — kiuj studis apartajn vortojn ekster fluanta lingvo, kiuj intencis kompreni aŭ reguligi lingvon per analizo de izolaj radikoj. Tia ja estis sorto de pseŭdoscienca etimologio en la XVIIIa jarcento, de Esperanto-vivisekciantoj en la 1907—1919.

Ĉu necesas altescienca argumentaro por vidigi la aluditan veron? — Ne, nur bonsenca rigardo ĉirkaŭ si. Kion ekz. signifas vorto *kovrilo?* Tre malmulton, aŭ se vi volas — tre multe! Sed ni ĝin precize komprenas en la frazoj: *tola kovrilo de la libro, varmiga lita kovrilo, pro la vento ni fermis fenestrokovrilojn; la knabo eltrovis vapormaŝinon, observante dancadon de kovrilo sur bolanta kaldrono. Stelo* estas Siriuso pligranda ol nia Suno, *stelo* rampas sur mara fundo, *stelo* estas presita sur la titolpaĝo de esper. libro, *steleto* ornamas butontruon de samideano.... Kiu povus precize analizi kaj kalkuli ĉiujn sencojn kaj nuancojn de l' vorto *estas?*

Tia estas la lingvo vivanta en ni kaj per ni, mirinda reto kies maŝoj (vortoj) estas interplektitaj kaj kunkreskintaj, psikofizika fenomeno en sia tuto profunde saĝa.

*Petro Stojan,* L. K.

---

### Merko aŭ merkato.

Tiun demandon solvos leganto mem, kiam li komparos jenajn naciajn vortojn: francaj *marché* [vendejo], *merkantile* [komerca], *mercier* (vendisto]; latinaj *merx, merces, Mercurius* [Dio de komerco]; germana *Markt* [vendoplaco]. La radiko vere estas *merk,* el kiu oni facile faras: *merko, merkanto, merkado, merki,...* kio harmonias kun itala *mercato,* hispana *mercado,* angla *market.* Por plielasta devenigado de l' vortoj plimallonga radiko estas pli taŭga, des pli se ĝi estos pli ĝusta.

*P. S.*

---

### Aŭstralazio, Oceanio, Aŭstralio.

Sendante leterojn al ĉi tiu parto de la mondo estas tre konsilinde tute ne enmeti en la adreson la nomon „Aŭstralazio" aŭ „Oceanio". Ambaŭ estas nedifinitaj, kaj nek iu estas necesa.

Kiam ni skribas al Anglujo, Francujo aŭ Germanujo ni ne aldonas al la adreso la nomon „Eŭropo". Sendante leteron al Ĉinujo, Cejlono, aŭ Japanujo ni ne aldonas la vorton „Azio" kaj al Kubo, Kanado, Meksikio, ni ne aldonas „Ameriko". Tia adresado rezultas en prokrasto kaj konfuzo.

Javo kaj Aŭstralio ne havas rilaton pli ol Islando kaj Italujo. La du landoj estas tre malproksimaj unu de la alia, havas apartajn registarojn, kaj parolas malsamajn lingvojn. Tio ankaŭ estas vera pri la Filipinaj Insuloj kiuj estas eĉ pli malproksimaj de ni. Nov-Zelando kaj Aŭstralio estas eroj de la Brita Imperio sed inter ili estas mil mejloj da maro; ili havas apartajn registarojn, kaj iliaj poŝtaj servoj al Eŭropo kaj reen, iras laŭ tute malsamaj vojoj.

Pro praktikaj celoj, estas ne deviga por la korespondanto certiĝi al kiu kontinento la insulo apartenas. Aŭstralio (vidu la landkarton) estas unu difinita insulo, kaj kiam oni skribas al loko en tiu granda insulo, finu la adreson per „Aŭstralio". Se oni skribas al aliaj insuloj skribu la nomon: Nov-Zelando, Fiĝio Samao, Filipinoj, Javo ktp. laŭ bezono kaj finu en tiu maniero.*)

*Alice M. Moore,* Toorak, Victoria, Aŭstralio.



## KOMERCO



### Internacia Varborso.

Fonda dokumento.

Al alvoko de S-ro Henriko Fischer, grandindustriisto en Bukureŝti (Rumanujo) kunvenis la 3an de aprilo 1923 je la 8.30 dudekkvar komercistoj kaj industriistoj por diskuti la ebligon de interrilatigo de la ĉe la Venezia Konferenco ĉeestantaj komercistoj por pritrakti kaj efike uzi la okazon de ilia persona intervido kaj interkonatiĝo, kaj profitigi la eblecon sin interkompreni malgraŭ la diverseco de iliaj lingvoj per la komuna internacia lingvo Esperanto.

Lasante al la konferencaro la taskon pridiskuti kaj pristudi la uzadon de komerca internacia lingvo por komercistoj kaj esperante ke la rezulto de la nuna konferenco alportos al la tutmonda komercistaro fine la necesan komunan interkomprenigilon, esperante ke la organizado de UEA kaj precipe la nune studita starigo de specialaj komercistaj delegitoj multe helpos al la internaciaj komercaj rilatoj, ili jam dum la konferenco volas provi, ĉu multnombra komercistaro ne povus krom la komuna laboro pri starigo de internacia lingvo ankaŭ efektive kaj praktike fari komercon aĉetante kaj vendante inter ili iliajn komercaĵojn, serĉante reprezentantojn taŭgajn por posta laboro kaj reciproke starigi fundamenton por daŭra fruktodona komerca laboro.

Por tiu celo la ĉeestantaj firmoj fondis post klariganta interdiskutado novan interligilon nomita „Internacia Varborso."

Jam antaŭ la fina starigo de la regularo la fondintoj elektante malgrandan estraron de diverslandaj komercistoj, konigas la fondiĝon de la Internacia Varborso kaj alvokas al tuja malfermo de la unua aga kunveno borsa de ĝiaj anoj.

La provizora estraro: prezidanto: S-ro Henriko Fischer (Rumanujo), sekret: D-ro T. Schwarz (Hungarujo), konsilantoj: S-roj Blaise (Anglujo), Marly (Francujo), Senff (Germanujo), Rosetti (Italujo).

---

*) Nia samtitola artikolo de la decembra numero celis ĉefe la geografian kontinentan dividon, bezonatan en klasigadoj sed ne la poŝtajn adresojn. Red.



## TRA LA FILATELIO



**Honoro al Louis Pasteur.** — La Franca Poŝta Administracio eldonis ĵus poŝtmarkon kun la bildo de Pasteur, kies centjaran datrevenon de naskiĝo oni festis antaŭ nelonge. Estas vendataj tri specoj: je 10 cent (verda), 30 cent (ruĝa) kaj 50 cent (blua). Je tiu okazo ni citu eldiron de tiu glora viro, bonfarinto de la homaro, kiun li faris 27 decembro 1892 en la Sorbonne: „Mi konvinke kredas, ke scienco kaj paco venkos nescion kaj militon, ke la popoloj interkonsentos, ne por detrui, sed por konstrui kaj ke la estonto apartenas al tiuj, kiuj estos plej multe farintaj por la suferanta homaro".




**Ekspozicio de poŝtmarkoj.** La 5an—15an de aŭgusto 1923 okazos Ia Internacia Ekspozicio de Poŝtmarkoj en Brno (Ĉeĥoslovakio) sub protektado de prezidanto de ĉeĥoslovaka respubliko, D-ro T. G. Masaryk. Prospektojn en lingvoj: angla, ĉeĥa, franca, germana, postulu (ankaŭ esperante) de Ia Internacia ekspozicio de poŝtmarkoj en Brno, Ĉeĥoslovakio.

**La buĝeto de Memel kaj la filatelistoj.** La franca revuo „Le Carnet de la Semaine" priparolas jenan amuzan fakton. Provizora okupo kiel tiu, altrudita al Memel precipe se ĝi daŭras plurajn jarojn, kostas sufiĉe kare. Hodiaŭ oni devas balanci la deficiton: okupadkostoj, elspezoj de la alta komisarejo ktp., kaj oni povas esti certa, ke tiu afero naskos multnombrajn konferencojn de spertuloj konvene salajrataj!

Sed tiu deficito (eksterordinara afero!) ne estas tre alta dank' al la lerteco de S-ro Petisné, kiu estis kvazaŭ potempa reĝo de Memel, ĝis kiam la litovoj lin sentronigis. S-ro Petisné estis ruza. Por pagi la bezonaĵojn de lia teritorio, li kreis nek negarantiitajn bankbiletojn, nek prunteprenojn kun dubaj repagoj, nek esceptajn impostojn.

Li presigis poŝtmarkojn!

Li presigis multajn kaj ĉiuvalorajn, ornamitajn de allogaj vinjetoj. La filatelistoj sin ĵetis sur la malgrandaj paperaj rektanguloj kaj faris el ili grandan uzon.

Kiam la aĉetantoj estis provizitaj, S-ro Petisné uzis alian artifikon: li surpresigis siajn poŝtmarkojn. Tiuj de dek centimoj fariĝis dudekcentimaj ktp. Sekvis nova aĉetado de la filatelistoj de tiu komercaĵo pli kaj pli malofta kaj alloga. Tiu aĉetado ankaŭ malgraviĝis. Tute egale: S-ro Petisné ordonis fari novajn surpresojn, kaj novaj vinjetoj fabrikitaj en Francio estis transsenditaj de la „Quai d' Orsay" al Memel, de kie ili disvendiĝis en la tutan mondon.

**Donaco de Kolekto al la Sveda Poŝta Muzeo.** S-ro Hans Lagerlöf en New-York, sveda deveno, donacis kolekton de filatelistaj maloftaĵoj al la sveda poŝta muzeo en Stockholm. Kompreneble la skandinavaj landoj estas bone reprezentitaj, sed troviĝas ankaŭ pli ol 150 finnaj markoj de alta valoro. Plie estas notindaj la malnovaj markoj de Baden, Bayern, Braunschweig, Hannover, Preussen kaj Sachsen, la unua PM de Rumanio, plie tiuj de la italaj princlandoj, la Ĝeneva kaj la plejmalnova el Mauritius. Specialisto taksas la valoron de tiu donaco je almenaŭ 200.000 svedaj kronoj.

**Lampo por poŝtmarkkolektantoj.** Oni scias, ke pro la artefarita lumo la koloroj de la PM povas aspekti tute alie vespere ol dumtage. Tio povas naski grandajn konfuzojn. Laŭ la „Illustrierte Zeitung für Philatelie" oni eltrovis elektran lampon, kiu donas lumon sufiĉe similan je la dumtaga.

**Morto de la plej maljuna filatelisto.** Antaŭ nelonge mortis en London fama angla filatelisto S-ro J. C. Sidbotham, kiu estis eble la plej maljuna filatelisto. Li naskiĝis en 1840 kaj estis precize tiel aĝa kiel la plej malnova poŝtmarko de la mondo: la angla nigra PM je 1 penco. Jam en 1858, t. e. 4 jarojn antaŭ kiam kolektado de PM fariĝis ĝenerala, la mortinto jam kolektis. Lia unua kolekto, kiu enhavis unikajn maloftaĵojn, inter aliaj la faman provon de O'Connel, estis kompletigita dum 23 jaroj kaj vendita en 1880. Dek jaroj poste, li rekomencis ĝeneralan kolekton limigitan je la eldonoj ĝis 1896. Tiu kolekto, kiun li daŭrigis ĝis sia morto, oferos grandajn surprizojn se ĝi estos iam vendita, ĉar ĝi enhavas gravajn maloftaĵojn.

**Aŭstriaj bonfaraj poŝtmarkoj.** Meze de monato majo aperis novaj bonfaraj poŝtmarkoj. Valoroj: 100, 120, 160, 180, 200, 240, 400, 600 kaj 1000 kronoj. Vendoprezo: Sesfoje la laŭnoma valoro. La bildoj havas vidaĵojn de la ĉefaj urboj de Aŭstrio: Bregenz, Graz, Eisenstadt, Innsbruck, Melk a. d. Donau, Salzburg.

**Novaĵoj:** *Bulgario:* 50 Stotinki, kun vidaĵo de Tirnova, eldono en malhela blua koloro. *Danzig:* Nova valoro 300 Mark, kun la emblemo de la urbo. *Germanio:* 20 kaj 40 Mark (ministo kaj rikolto); 200 kaj 300 Mark de la cifera serio; aerpoŝto: nova valoro 100 Mark. *Irlando:* 3 pencoj (kelta kruco, trifolio kaj gaela teksto „tri pinsine"). *Ruslando:* La poŝtmarkoj el cara epoko kun surpreso: 15 kopekoj, blua kaj brunruĝa: surpreso 300 rubloj.



## DIVERSAĴOJ



# Esperanto en germana lernejo.

Eminenta samideano el New-York, S-ro A. Mc. Groasty, donis lastan printempon al miaj knabinoj el la 3 Esp.-devigklasoj de miaj ambaŭ lernejoj popolaj la temon:

**„Kion deziras germana knabino el New-York?"**

Tuj post la ricevo de ĉi tiu tasko miaj 45 knabinoj ekskribis tre rapide longan folion kun grandaj kaj malgrandaj, gravaj kaj malgravaj deziroj.

Escepte kelkajn dezirojn kiel: Mi petas veturadon per rapidvaporŝipo en la unua kajuto al New-York . ., aŭ: Mi petas dolarojn . ., oni ne povas diri, ke miaj infanoj surskribis malkonvenajn donacojn. El la listo pri la deziroj nur kelkajn ekzemplerojn, por ke oni ekkonu, ke en ĉiu familio de nia vilaĝloĝantoj germanaj ankoraŭ regas la plej grava mizero, precipe pro necesa vestaĵo. Dekduo da infanoj perdis la patron dum la lasta milito, kelkaj knabinoj havas duonpatrojn aŭ neniun virinan helpon en la familio.

Ili senfine sopiras iun veston por la venonta konfirmacio. La plejmulto da infanoj bezonas solidajn ŝuojn kun ŝtrumpoj kaj mantelojn aŭ aliajn vestaĵojn por la vintro. Kelkaj resaniĝintaj knabinoj, kiuj denove ricevis la permeson gimnastiki, sopiris iun vestaĵon por gimnastiko aŭ daŭrantajn gimnastikŝuojn el la sportlando Usono.

Estu permesata al mi, raporti detale pri la du laboroj, kiujn rigardas la usona bonfaranto kiel la plej bonajn. (Precipe la duan laboron, pro la altruismo kaj gepatra amo, kiu ne nur postulas por si mem, sed ankaŭ por aliaj.)

Mariechen Rechenberger (elparolu marijen rejenberger), 13 jara, petas kaj skribas:

Mi estas la plej aĝa el la geîrata aro, kiu ankoraŭ vizitas la lernejon kaj devas prizorgi preskaŭ la tutan mastrumadon; ĉar mia patrino estas lamigita sur la tuta flanko maldekstra. Entute ni estas hejme 8 personoj. Matene mi ĉiutage vizitas la lernejon ĝis la 12ª aŭ 1ª tagmeza horo. Hejmirinte mi tuj komencas labori. Tial mi ne havas sufiĉan tempon, triki por mi ŝtrumpojn. Mi pro tio senfine ĝojus, kiam mi povus ricevi paron da ŝtrumpoj, ĉar en New-York do certe ekzistas nur bela komercaĵo. Kvankam mi same povus nepre bezoni paron da solidaj ŝuoj, mi tamen ne riskas, elparoli tian grandan peton. Mi kaj miaj gepatroj ankaŭ tre ĝojus, ĉar miaj junaj geîratoj poste eluzos ĉiujn vestaĵojn de mi. —

Hilma Müller (Hilma Miler), 14 jara konfirmotino, skribas:

En Germanio ni tre devas nin limigi. La plej necesajn komercaĵojn — ekzemple panon, karbon, sukeron ktp. — oni nur povas aĉeti per kartoj ŝtataj. Butero kaj terpomoj tiel multekostas, ke la patra salajro ne sufiĉas; ankaŭ devas pro tio labori mi kun miaj patrino kaj pli juna fratino sur kampo de najbaraj vilaĝanoj. Por la laboro mi tie ricevas manĝaĵon. Tio ja helpas nin multe. Sed niaj vestoj kaj ŝuoj estas per la kampa laboro eluzataj. Tial mi deziras ŝuparon kaj ŝtofon por ĉemizoj kaj por mia patrino lanan subjupon. Kia ĝojo estus por ni, se iam bona onklo el Usono vizitus nin kun ĉi tiuj donacoj! —

Sed nun la ĉefo: Dekduo el la 45 knabinaj laboroj estis premiitaj je Kristfesto.

Per kvarona miliono da germanaj markoj kovris la tablon: 3 paroj da ŝuoj, ĉemizoj, 4 vestaĵoj, 3 manteloj, 2 sportvestaĵoj, libroj („Tra la mondo", Iª parto) kaj por ĉiu gekonfirmotulo ĉemizo. La loka grupo kantis tre bele en Esperanto per kvar miksitaj voĉoj, la prezidanto S-ro Krönert, komercisto, salutis la infanojn, gratulis al ili kaj invitis ilin, membriĝi en la grupo; membroj el la vilaĝa kaj distriktregistaro admiris la donacojn de la 52 geknaboj kaj dankis per vortoj entuziasmaj al la nekonatulo el New-York. Neniu forlasis la solenon sen la konvinko: tio estis granda kaj daŭra sukceso por nia kara afero, por nia helplingvo Esperanto!

Dua granda sukceso estis laŭ la apuda programo la Infanfesto je 24. 2. 23, al kiu partoprenis pli ol 400 esperantistaj geknaboj.

Ĉeestis krom mil gepatroj kaj amikoj de Esperanto ankaŭ la ĉefo de la ŝtata Dresdena regiono, D-ro Schulze, kaj la distrikt-lerneja ĉefo D-ro Krauer, kiu salutis la infanojn en Esperanto.

La plej granda sukceso estis nia memfarita teatraĵo: „Urbinfanoj sur la kamparon!" Jen la enhavo: Infanoj el urba lernejo vizitas per eksterlanda mono dum la libertempo vilaĝan regionon sur la saksa lim-montaro. En gastejo, kies mastro samtempe estas vilaĝestro, ili konvinkas la mastron kune kun la kantoro pri la neceso de Esperanto per leciono pri klarigo de fremdvortoj el murafiŝoj kaj gazetanoncoj kaj reklamafiŝo de la ŝipfirmo „Hapag", sur kiu troviĝas landkarto de Usono. Ludante tradukas la infanoj urbaj la vortojn: *Antillen, Rocky Mounts, Florida, Vera Cruze, Rio de Negro, Montevideo, Buenos Aires, Argentinien* ktp. Intertempe vizitas kelkaj infanoj el urbo kaj vilaĝo la liman arbaron, renkontas doganiston ĉeĥan kun verda stelo, kiu post sia servo vizitas la gastejon kaj fine ankaŭ per la praktika uzado de Esperanto kun la klaso forigas la lastajn dubojn de la vilaĝanoj. Oni decidas: Esperanto estas deviga fako depost Pasko 1923 en la vilaĝo Grünau (verda herbejvilaĝo).

*Reinhold Scheibler*, lernejestro.

# Esperantista Parolejo.

## Kial ili anoncis?

De longe mi skribadis al diversaj samideanoj rilatante al iliaj anoncoj por korespondado. La rezulto bedaŭrinde estis tre stranga! Jen la rezulto de la lasta jaro:

Mi skribis al 51 diversaj gesamideanoj.
Respondis nur 18
kaj el ĉi tiuj 2 sen motivo kaj sen sciigo poste interrompis la korespondadon.

Entute **ne respondis 33!**

Ĉu ne estas hontiga por nia movado vidi tian rezulton? Se la gesamideanoj anoncantaj en la gazeto deziron por korespondado, sed strangamaniere ne respondas al la ricevitaj skribaĵoj, scius, kiel multe ili malhelpas la Esperanto-movadon, ili *neniam* tiamaniere agus, se ili estus . . . konvinkitaj esperantistoj! Cetere estas ankaŭ senindulga maniero kontraŭ la unuopa skribanto, kiu multe da mono por poŝtkartoj kaj afrankado (precipe en la malbonvalutaj landoj) tute senutile forĵetis!

Por eventualaj kontraŭdiroj rilate al la citita rezulto mi ankoraŭ mallonge volas rimarkigi tion:

1. La de mi forsenditaj korespondaĵoj ĉiafoje legeble estis skribitaj, precipe adresoj;
2. mi ĉiam skribis konforme al la anoncoj;
3. la korespondado koncernas diversajn najbarajn kaj malproksimajn landojn kaj ne precipe *nur* ŝtatojn kiel Japanio, Persio aŭ Ĉinio;
4. ĉiam estis ĝusta afranko;
5. konatoj de mi bedaŭrinde havis similajn spertojn.

Samideano antaŭ nelonge diris al mi, ke la malbonaj spertoj forprenis la tutan korespondemon kun esperantistoj. Jen! Ankaŭ rezulto!

Oni ja povos konsideri, ke sekve de konfuzitaj situacioj en diversaj landoj (ekzemple Rusio, Siberio ktp.) kelkfoje poŝtaĵoj malaperas; sed tio nur estas parteto de la tuto.

Pro tio mi avertas kaj petegas ĉiujn esperantistojn:

*Ne anoncu* pri korespondado, interŝanĝado ktp., *se vi ne havas la seriozan volon* tion korekte fari; respondu „almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu vi deziras daŭrigi la korespondadon" (vidu rimarkon en „Esperanto" kaj Jarlibro), por ke la aliaj ne havu malutilan penon kaj elspezojn;

*ne postulu* ankaŭ *pli* da agrablaĵoj ktp. flanke de viaj gekorespondantoj *ol vi mem donas* aŭ povas, aŭ nur tiam, kiam vi certe scias, ke oni ŝatas doni al vi libervole pli ol vi.

Miaflanke mi tute estas konvinkita, ke la Esperanto-movado kaj korespondado bone prosperos, *se . . . . ĉiu* **samideano** tiamaniere agos!

Havante intereson por mi ekscii pri la spertoj pri korespondado inter gesamideanoj mi ĉiam estas dankema por ĉia tiurilata sciigo (adreso: „Esperanto" N-ro 10 kaj Jarlibro). *)

*Friedrich Streit, Essen.*

*) Aldone al la pravaj rimarkoj de S-ro F. Streit ni konsilas al la anoncintoj ricevintaj tro da respondoj pri korespondado, ke ili instigu neanoncintajn membrojn de sia grupo korespondi kun la eksterlandaj sendintoj. (Red.)

## Al niaj kunlaborantoj!

**Oni sendu la manuskriptojn, kronikaĵojn, anoncojn ĝis la 15ª de ĉiu monato por apero en la sekvanta monato!**




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

---

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj frankoj. *Membro* (M) *5 Fr. Membro-Abonanto* (MA) *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* (MS) *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — ***Membro-Dumviva*** ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr.* (Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Aŭstrio:** Kr. 20, 40, 150 mil; **Belgio:** Fr. 10, 25, 50; **Britio:** ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 45, 100, 400; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 18, 45, 90; **Danio:** Kr. 5, 12, 24; **Estonio** Emk. 100, 200, 800; **Finnlando:** Fmk. 22, 60, 120; **Francio:** Fr. 10, 25, 50; **Germanio:** Mk. 20, 40, 200 mil; **Hispanio:** P. 6, 15, 30; **Hungario:** Kr. 1500, 3000, 12000; **Italio:** L. 12, 30, 60; **Jugoslavio:** D. 22, 60, 120; **Latvio:** Lat. 1.50, 3, 12; **Litovio:** L. 1, 6, 24; **Nederlando:** G. 2.50, 6, 12; **Norvegio:** Kr. 5, 12.50, 25; **Pollando:** Pmk. 15, 30, 120 mil; **Rumanio:** L. 60, 120, 500; **Svedio:** Kr. 4, 10, 20; **Turkio:** P. 50, 150, 400; **Usono-Kanado:** D. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj.

La helpmembroj (HM) kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 7000; Bulgario: L. 15; Estonio: Mk. 40; Germanio: Mk. 4000; Hungario: Kr. 500; Latvio: Lat. 0.50; Litovio: L. 1 H; Pollando: Mk. 5000; Rumanio: L. 20; Turkio: P. 20. La HM ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro, gazeto kaj enskribon en la interrilata adresaro.

La Entreprenoj de UEA (komercaj firmoj, societoj k. t. p.) pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105439. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 90850, Frankfurt am Main. — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190576, Warszawa.*

---

**Insista peto al ĉiuj.** — La Centra Oficejo forsendis fine de majo al ĉiuj nepagintaj membroj, cirkuleron, rememorigantan pri la repago de la kotizo. Forte ni esperas ke, se ne ĉiuj, tamen konsiderinda parto de tiuj nepagintoj, restas fidelaj al UEA kaj plenumos sian devon. Apud tiu ĉi persona devo estu ĝenerala: *ĉiu klopodu varbi novan membron.* Por helpi la varbadon de Membro-Subtenantoj la C. O. dissendas al ĉiu aliĝanto en tiu kategorio, valoran premion konsistantan el 7 aŭ 8 legindaj libroj, interalie la novan eldonon de „Historio de Esperanto“, verkita de D-ro Privat.

**Enkasigo de kotizoj.** — En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigos je la

*20 junio 1923*

la kotizon per la poŝto, aldonante la koston de afranko kaj klopodo.

*Procedo:*

Rekta enkasigo de Genève. Ĉiuj nepagintoj en Belgio, Danio, Francio, Italio, Nederlando, Norvegio, Svedio, Svislando.

Enkasigo enlanda, *Aŭstrio:* (per D-ro Edm. Sós, del. en Wien); *Bulgario:* (per S-ro St. Minkov, komitatano de UEA, Sofia); *Ĉeĥoslovakio:* (per S-ro Sklenčka, ĉefdel. en Hradec Králové); *Estonio:* (per F-ino Helmi Dresen, ĉefdel. en Tallinn); *Finnlando:* (per Esperanto-Oficejo, Helsinki); *Germanio:* (per nia poŝtĉeko); *Hungario:* (per S-ro Balkanyi, ĉefdel., Budapest).

**Novaj prezoj.** — Ni komunikas la jenan ŝanĝon de prezoj en:

| | HM | M | MA | MS | |
|---|---|---|---|---|---|
| Germanio: | 6000 | 20000 | 40000 | 200000 | germ. mark. |
| Hungario: | 500 | 1500 | 3000 | 12000 | hung. kron. |
| Rumanio: | 20 | 60 | 120 | 500 | rum. lei. |

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo: | 4200.— |
| 15. | S-ro J. Benŝahar, Alexandria | 300.— |
| | | Fr. 4500.— |

**Kotizoj por 1923.** — Je la 30 aprilo estis enkasigitaj: 67 kotizoj de Helpmembroj, 1038 de Membroj, 3374 de Membro-Abonantoj kaj 122 de Subtenantoj, sume 4601.

Sama epoko 1922: 4463.

**Subtenantoj.**

*Sesa listo:*

118. S-ro Carter, New York; 119. S-ino Alice V. Morris, New York; 120. S-ro A. B. Coigne, New York; 121. S-ro Arthur Bowker, Sheffield; 122. S-ro John Merchant, Sheffield.

**Statistiko de la poŝtaĵoj.** — Movado de la poŝtaĵoj dum aprilo 1923: Ricevitaj: 717, forsenditaj: 621, entute: 1338.

**Teritorio de UEA — Ĉeĥoslovakio.** — En la aprila numero de „Esperanto“ estis publikigita aprobo de la komisiono de UEA pri la starigo da nova teritorio „Respubliko Ĉeĥoslovaka“, voĉdonita de la delegitoj en fino de 1922.

La subskribintaj ĉefdelegitoj, transprenante sian oficon, adresas al la ĉeĥoslovaka esperantistaro jenajn vortojn:

1. Bonvolu vidi en ni oficistojn de UEA. — Nia ofico estas pure labora, ĝi celas deŝarĝi la centran oficejon kaj samtempe intensigi la laboron por kaj per UEA en la nova teritorio.

2. Ni dediĉos al la novaj taskoj nian plenan energion, sed ni atendas konfidon de niaj delegitoj, bonan volon kaj helpemon de ĉiuj UEA-anoj.

3. Ni agos metode laŭ nia plano, kies celo estas: firme enradikigi UEA organize en nia teritorio, simpligi kaj plirapidigi la administradon, plene apliki la aranĝojn pri servoj. — Tiamaniere nia laboro alportos bonon al UEA, al la esperantista movado ĝenerala kaj samtempe al la loĝantaro de nia ŝtato.

4. Tute ne celante oficiale dividi nian ĵus kreitan teritorion, ni tamen tre ŝatus trovi helpantojn slovakan kaj hungaran en Slovakio kaj rutenan en la Subkarpata Rusio. Energiaj kandidatoj skribu al O. Sklenčka en Hradec Králové.

5. Nia celado estas ne nur praktika, sed ankaŭ ideala: Se ĉiuj niaj delegitoj kaj membroj zorge trastudos la statuton de UEA kaj se ili konstante legados nian „Esperanton“, ni firme kredas, ke ni sukcesos efektivigi en nia nova teritorio ankaŭ la idealajn flankojn de la UEA-celado, kreante internacian, harmonian anaron, kiu fariĝos brila ekzemplo por nia publiko neesperantista!

*Ni du solaj povos fari nur malmulton — ĉiuj kune ni faros miraklojn!*

*O. Sklenčka* en Hradec Králové, ĉefdelegito.

*Hans Klinger* en Bodenbach, ĉefdelegito-anstataŭanto.

* * *

*Genève*, 20a de majo 1923.

*H. Jakob,*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

## Ekspozicio kaj kongreso en Göteborg, Svedio.

Dum la somero — la tempo 8 majo kaj 15 septembro — okazos en Göteborg, Gotenburgo, la dua urbo de Svedio, grandioza jubilea ekspozicio. Multe da eksterlanduloj oni atendas al tia ekspozicio.

Sveda Laborista Esperanto-Asocio aranĝos kongreson dum la ekspozicio. La kongreso estos aranĝata la 28- 31 de julio.

Samideanoj el diversaj landoj vizitontaj la urbon estas invitataj partopreni. Kiam ajn oni povas sciigi pri sia alveno al la administrejo en Göteborg.

Niaj samideanoj en Göteborg estas ankaŭ emaj helpi eksterlandajn samideanojn kiuj dum alia tempo ol la kongresa volas viziti la ekspozicion.

Nia tutsveda asocio dum la kongreso ankaŭ intencas aranĝi Esperanto-ekspozicion. Tial ni petas entreprenojn sendi al ni ĉiuspecajn reklamaĵojn, gazetojn, librojn ktp. Ni kvitancas ĉion per sendado de nia interesa kongresnumero de „Sveda Laborista Esperantisto".

Adresu ĉion al: Sveda Laborista Esperanto-Asocio, Göteborg.

Por la Kongresa Komitato:
*Einar Adamson.*

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Andrejs* kaj *Lilija Fridenbergs* en Riga, Latvio, naskiĝis filino, nomita Rasma Melisande.

Al Ge-roj *Fritz Pillath* en Essen naskiĝis filino, nomita Suzanne.

**Fianĉiĝo.** — S-ro *Robert Bolliger*, VD. en Bern kun F-ino *Klara Karl.*

**Honorigo.** — S-ro *Mihail Nikoloff*, delegito de UEA en Pordim (Bulgario) estas elektita deputito en la nacia parlamento. Ni kore gratulas lin.

## Niaj mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **August Albert Soetens** el Paris mortis 53 jara la 19. aprilo. Li estis malnova esperantisto kaj amiko de UEA. La esperantistaro perdas unu el ĝiaj plej seriozaj kaj konvinkitaj anoj.

S-ro **Jaime Vilaseca,** 31 jara, el Barcelona, mortis la 13an de januaro, pro ftizo.

Li multe verkis por la Argentina Esperantisto dum li loĝis en Buenos Aires kaj oni elektis lin ĉefredaktoro en 1917.

En 1918 li venis al Usono kaj reiris al Barcelona, lia naskurbo, en 1919.

Li estis fervora, sindonema Esperantisto kaj estimegata juna viro. *F. B.*

S-ro **Carrere,** eksdirektoro de la normala lernejo en Saigon, fondinto de la Esp.-Gr. en Hindo-Ĥinujo, mortis en Prades (Francujo).

S-ro **Giuseppe Giacone** el Genova, membro de la Laborista grupo mortis 32 jara.

Prof. **Cesare Massone,** malnova esperantisto mortis 59-jara en Genova. Ne atendante la oficialigon jam en 1911 li permesis esp.-kursojn en la vespera teknika lernejo kies direktoro li estis.

S-ro **Arturo Tarrini,** vic-prezidanto de la Genova Esp.-Unuiĝo mortis la 26an de aprilo 23-jaraĝa.

S-ro **Motoziro Aoki,** 23-jara, aviadisto, membro de la Sasebo Esperantista Societo (Japanio) mortis pro falo de aeroplano maren.

S-ino **Sentis,** edzino de nia malnova membro S-ro H. Sentis, ekslicea profesoro en Grenoble.

S-ino **Ledoux,** patrino de nia VD. en Grenoble.

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek,* Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 75.**
*K. Erlin,* Wien.
(Revue d' Echecs 1904).



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 76.**
*K. Traxler,* Dub.
(Československ. Republika 1922).



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 77.**
*S. Frantz,* Paris.
(Le Radical 1923).



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 78.**
*R. Svoboda,* Praha.
(Originalo).



Sinmatigo per la **2-a** movo.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 62, 65: O. Jaunlininŝ, Jekabmiests (Latv.); 67, 68. 69: R. Koerselman, Voorst; D. F. Romein, Drumpt (Nederl.); J. Takáts, Sárospatak (Hung.); 68, 69: W. Kanner, Galaco (Ruman.); 70: Fr. Tesák; T. Sika, Praha (Ĉeĥosl.); duasolvo H. T. Bailey, London (Angl.)

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 71:** 1. Ĉd 3 — b 4 ktp. **N-ro 72:** 1. Dd 1 — a 4 ktp.
**N-ro 73:** 1. Kc 5 — d 4, h 6 — h 5, 2. Dc 1 — h 1 ktp.
Rd 5 — e 6, 2. Ĉe 4 — c 5 ktp.
**N-ro 74:** 1. Kc8—g4, Ĉh8—f7, 2. De7—e5, Ĉf7×e5 mato
Ĉh8—g6, 2. De7—h4, Ĉg6×h4 mato
d5—d4, 2. Th7×h8, g2—g1 mato.

*Korespondoj kaj rimarkoj:*

Lastafoje en la noto citita probl. de White kaj Wainwright ne estas la Peono sur d4 sed c5. — S-ro Bailey, London. En via probl. kun ideo de multobla oferdono de la K ne estas la ideo bone esprimita, ĉar post preno de la K per figuro rezultas sole unu mato. Sed formetante tiun ideon, kaj forigante nig. Df7 kaj Tg5, kaj metante bl. Ĉc6 sur f7, estus eble ricevi novan belan varianton. Bonvolu pruvi rekonstrui, atentante la ŝparemon en la restanta materialo. — S-ro Frantz kaj aliaj korespondantoj. Ne estas eble profiti viajn ofte interesajn sciigojn por nia preso, ĉar ilia aperigo ne povus pro teknikaj kaŭzoj okazi pli frue ol post paso de du monatoj, kaj tiam ili jam perdas je valoro. Domaĝe! —

*Fakaj esprimoj:* Pri la demando kiel esprimi sur la ŝaktabulo okazantan interbatalon (angle: a game, france: une partie) estis diverse opiniite. Plej konvene oni trovis apliki vortojn: *Ludo* en la senco kiel ĝin plej multaj nacioj uzas, t. e. en senco de ludsistemo. Ekzemple *ludo franca,* tiu ludo kiu komencas per 1. e2 — e4, e7 — e6; 2. d2 — d4, d7 — d5. — *Movaro* en la senco de okazinta ŝakbatalo, fininta per mato aŭ senrezulte. Tial ne estos necese ĉiam veni al vortoj *ludi ludojn* ktp., sed oni *ludos movaron* kaj tiel ankaŭ ne difektos niajn kutimajn parolturnojn. Plejmulto de niaj ŝakistoj rifuzis la aplikon de gamo.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

1. **Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50. En naciaj prezoj 2/3 de la prezo de unu enskribo.
2. **Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.
3. **Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco: Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 12500. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -|6, -|5, 1|6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 20, 15, 50. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio:** Mk. 600, 500, 10000. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Hungario:** Kr. 150, 120, 500. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25, 2. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80, 0.60, 2.—. **Pollio:** Mk. 1000, 800, 12000. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 12, 10, 50. **Rusiando:** Sv. fr. 0,30, 0,25, 2.—. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ* L. = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-ajo = *Esperantajo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Wien IX|1.** — S-ro Rajm. A. Ĉech, D'Orsayg 7|23, deziras ricevi de samideanaj kolegoj (oficistoj de bankoj, ŝpar- kaj asekurinstitutoj) sciigojn pri la movado kaj organizo naciaj.

**Wien 13|4.** — S-ro Josef Kolnhofer, Zehetnergasse 37, PM, PK, Esp.-Gaz., rifuzas senvalorajn PM. Vidu ankaŭ la rubrikon „Petoj kaj Proponoj".

### Bulgario.

**Pleven.** — S-ro Petr Mitkov, oficisto de Banko por Komerco kaj Kredito, Pl, L k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio.

**Arnsdorf** bei Tetschen a. E. — S-ro Max Beütel, komercisto, PM, PI k. ĉ. l.

**České Budějovice.** — S-ro Josef Werner, Žižkova tř. 38, k. ĉ. l. PI, bfl, L.

**Písek.** — S-ro Jan Huttar, studento, Nádražní tř. 387, L, PK k. ĉ. l.

**Praha-Vinohrady.** — F-ino Ada Barešova, poŝtoficistino, Máchova 12|I, PM, L k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarĉa Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Přibyslav u Něm. Brodu.** — S-ro Filip Fiala, ŝparkasa kasisto, L, PK, PI, PM k. ĉ. l.

**Prešov.** — S-ro Mikuláš Ilkovič, universitatano, Masaryková ul. 49, PI, L k. ĉ. l. (precipe gestudentoj).

**Vyškov.** — S-ro Mádr Miroslav, studento, L, PK k. ĉ. l.

**Žebrák-Hořovice.** — S-ro Müller Oldřich, oficisto, PI.

### Finnlando.

**Mikkeli.** — S-ro Elis Lessig, drogejo, PI, bfl, esp., angl., franc.

### Francio.

**Dijon.** — S-ro B. Zaegel, 61, rue Marceau, PI, PK k. ĉ. l.

**Salbris** (Loir-et-Cher). — S-ro J. Emy, k. ĉ. l. (pri ĝardenkulturo).

### Germanio.

**Berlin-Niederschönhausen.** — S-ro F. Dyba, real-gimnazia prof., Körnerstr. 4, L, PI, PM nedifektitaj, rekomendite. Ne sendas unue. Flugpoŝtafrankas.

**Breslau.** — S-ro Gerhard Habellok, Schleiermacherstr. 19, elektristo, interŝanĝas papermonon, PM k. ĉ. l. Sendu unue.

**Breslau.** — S-ro Karl Kirchner, Barkstr. 3, PI, PM.

**Breslau.** — S-ro Günther Patscheck, Michaelisstr. 102, PI, PM.

**Breslau.** — S-ro Vincenz Kurz, Pöpelwitzstr. 38, PI, PM.

**Breslau.** — S-ino Erna Gleis-Patscheck, Goethestr. 67, PI, PM.

**Breslau.** — S-ro Erich Gleis, Goethestr. 67, PI, PM.

**Brunsbüttelkoog** (Kiel. kanalo). — S-ro Edmund Stelter, ŝipmakleristo, L, PM, PI kun gesamideanoj ĉ. l., nur rekomendite pri seriozaj temoj.

**Dresden-Dobritz.** — S-ro E. Friebel, instruisto, Residenzstr. 24, I. PI, L ĉiutemaj k. ĉ. l., preferas nur seriozajn gekorespondemulojn ĉiaprofesiajn.

**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.

**Höhscheid** bei Solingen (Rhl.). — S-ro Reinhold Königs, Oben-Kutternberg 17, koresp. L, PI k. ĉ. l.

**Höhscheid** bei Solingen (Rhl.). — S-ro Walter Geffehen, Unten-Kutternberg 3, L, PI k. ĉ. l.

**Röntgental** b. Berlin. — S-ro R. Mahns, Schillerstr. 21, PM, ne malpli ol 100.

**Solingen** (Rhl.). — S-ro Artur Gitzinger, Dorperstr. 27, pejzaĝaj fotografaĵoj, PI k. ĉ. l.

**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Hispanio.

**Bilbao.** — S-ro Felikso Jaŭsoro, Grupo Esperantista, Calle Merced 1, PI, L, ĉiuteme. kun landoj turka, greka, svisa, brita, dana, rusa, kaj ekstereŭropaj.

**Cadiz.** — S-ro Raymundo Sbert, C. Colon 16-2, juna kuracisto kun gejunuloj PI, L, esperante, france, angle.

**Huesca.** — S-ro Alfredo Atarés, Plaza Urreas 1, PM, PK k. ĉ. l.

**Huesca.** — S-ro Antonio Betrán, Padre Huesca 61, PM, PI k. ĉ. l.

**Nerva** (Huelva). — S-ro Gaudencio Vásquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

### Hungario.

**Budapest VII.** — S-ro Adám Mátjé, Dohány u. 71, I, 2, PI, L k. ĉ. l.

### Italio.

**Padova.** — S-ro Gobbato Tullio, Via Fabbri 1, PM k. ĉ. l.

### Latvio.

**Jelgava.** — Du 20 jaraj amikoj: S-ro Arvido Jordans, Dobeles iela 56 kaj S-ro Aŭgusto Lurinŝ, Lapskalna iela 31 (telegrafisto kaj elektroteĥnikisto) koresp. kun gesamideanoj de Hispanio, Italio, Francio kaj Ekstereŭropo.

**Riga.** — S-ro Aleksandro Bergtals, Elizabetes iela 9a, dz. 3, bankoficisto, PI, PK, L (precipe kun ekstereŭropanoj) pri zoologio, ornitologio, pri vivmaniero de bestoj, birdoj, rampaĵoj, insektoj ktp., PI, fotoj k. ĉ. l.

**Riga.** — S-ro Oleg Miŝke, Strugu iela 3 □ 17, PI, L, PM k. ĉ. l.

### Litovio.

**Vilkija.** — S-ro P. Bulotas, Kanno aps, PM (krom germanaj).

### Pollando.

**Bialystok.** — A. Babkes, Prózna 3, PM, PI, papermono.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro José Cattala, Calle Uriate 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Buenos-Aires** (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.

**Clinton, Iowa** (Usono). — S-ro Wm. J. H. Knappe, Wartburg College, L, PI k. ĉ. l.

### Aŭstralio.

**Melbourne.** — S-ro Hugh Hindmarsh, 44 Barkly St., St. Kilda, k. ĉ. l. PI, L.

### Azio.

**Barnaul** (Siberio). — S-ro A. I. Petrov, Meĝdunarodnaja ulica 139, pri ĝardenurboj, bahaja, teozofia, vegetara, internacia movadoj.

**Barnaul** (Siberio). — S-ro P. A. Kazanskij, Meĝdunarodnaja ulica 141, PI helpontaj instruadon de geografio, pejzaĝoj, tipoj, konstruaĵoj.

**Barnaul** (Siberio). — S-ino O. J. Rozanova, Pavlovska 145, pri edukado kaj instruo de infanoj).

**Kioto** (Japanio). — S-ro Tokizo Sigemacu, Doŝiŝa Universitato, L, PI, PM.

**Kioto** (Japanio). — S-ro Takumjô Mori, stenografisto, ĉe Itô, Kuramaguĉi, Sembon-higaŝi-agaru, L, PI pri stenografio kun stenografistoj.

**Osaka** (Japanio). — S-ro Masa Mizutani, Iuatomo Ŝoten 2, Kita-Jatarômaĉi, L, PI, PM.

**Tokio** (Japanio). — S-ro Jukuĉi Jasuda, 3, Dai-Kottogakko, muziknotojn kaj festprogramojn k. ĉ. l.

## JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

**Barnoldswick** (Anglio, Yorkshire). — F-ino E. Mallinson, 30, Edmondson Street, (por 27 geknaboj 12-jaraj).

**Odessa** (Rusio). — S-ro Veniamin Vozdviĵenskij, Ŝkolnij pereulok 6, por 40 geknaboj 13-16 jaraj.

**Praha II** (Ĉeĥoslovakio). — F-ino Julie Šupichová, Malá Štěpánská 6 n, serĉas por siaj 39 lernantinoj 14-15 jaraj korespondon per Pl.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Atentu!** Mi deziras ricevi por mia kolekto papermonon kaj monerojn el ĉiuj landoj kaj ĉiuj valoroj. Mi sendas papermonon, monerojn, PM aŭ pentraĵojn. Sendu unue. Mi respondas certege. Gerhard Habellok, Breslau, Schleiermacherstr. 19, Germanio.

**Baselli.** Mi petas ĉiujn, kiuj scias ion ajn pri familio Baselli, ke ili informu min pri ilia nuna adreso, por ke mi povu kompletigi mian genealogian nomaron. Mi korespondas pri abelkulturo, Pl, bfl k. ĉ. l. D. Baselli, komunuma sekretario Janjina, Dalmacio, Jugoslavio.

**Edziĝi** deziras hungara, 23 jara bienisto (maturita en komerca lernejo). Leterojn de junulinoj (kun portretoj, ankaŭ ekstereŭropaninoj) peras la redakcio de Hungara Esperantisto, Szeged, Szentháromság ucca 30. Koresp. esperante, germane kaj france.

**Edziĝo.** — Fraŭlinoj kaj vidvinoj! Mi estas vidvo, 43 jara, havas 19 jaran filon kaj deziras konatiĝi kun fraŭlinoj kaj vidvinoj en ĉiuj landoj, eble farmistinoj, ĝis 45 jaroj. Otto Benedix, Leipzig-Gohlis, Georgstr. 27, Germanio.

**Filatelistoj.** Al tiu, kiu sendos PM de sia lando, minim. 100 pecojn nedifekt., mi sendos samvalorajn tuj interŝanĝe laŭ Michel, Yvert, Zumstein, de mia lando. O. Weber, urba oficisto, Praha VIII, 1010, Ĉeĥoslovakio.

**Filatelistoj!** Kontraŭ 100—1000 poŝtmarkojn samlandajn mi sendos samkvanton de Hispanio laŭ Yvert 1923. Gabriel Alomar, Prezidanto de „Esperantista Klubo", Vallori 14, Palma de Mallorca, Hispanio.

**Filatelistoj.** Ĉiu kiu volas ricevi sudamerikajn PM, sendu al mi sendaĵon kun PM, sed mi nur interŝanĝas tiel: po du aŭ kvar nedisigitaj. Ne sendas unue. José Bayón, Banfield F. E. S., Argentino.

**Filatelistoj.** Kontraŭ mondepono aŭ referencoj mi vendas belajn seriojn PM de Germanio aŭ okupitaj provincoj. C. Hildebrandt, Frankfurt a. M., Göringstrasse 1, III. Germanio.

**Germanaŭstria familio** (advokato) kun sendialekta elparolo, en Kufstein en Tirol (Aŭstrio), ĉarma limurbo inter Tirolo kaj Bavarujo (Germanujo), en bela regiono ĉe la rivero Inn lokita, kun germana mezgrada lernejo, tipo: Realgimnazio kun latina lingvo kaj franca, kiel apuda fako itala lingvo, okazo por fortepiana kaj kantinstruo (instrumento en la loĝejo), kun tuta aliĝo al la familio, kun plena, fortiga senkosta nutrigo, suna ĉambro, banokazo en la loĝejo, senkosta tolaĵpurigo, kun okazo por somer- kaj vintrosporto, akceptas interŝanĝante infanon de francaj gepatroj.

Anstataŭe ĝi sendas en Svisujon 19 jaran filinon kun bona eduko, konfidinda karaktero (ekslernantino de mezgrada lernejo) en nur bone situitan familion kun franca interkomunika lingvo por finlerno de sendialekta franca lingvo, kun okazo por piano- kaj kantinstruo, poste de aliaj instruokazoj dum unu (1) jaro. Adreso: D-ro Karl Pickert, Rechtsanwalt, Kufstein, Tirol.

**Gvidlibrojn** en Esperanto (ne gvidfoliojn) interŝanĝas kontraŭ la bele ilustrita pri „Dauphiné" kaj ĝia porfremdula Universitato S-ro Ploussu, Del. de UEA, 4 Pl. Achard, Grenoble (Francujo).

**Java.** Samideanoj miaj! Mi petas vin kore senkulpigi prokraston por respondo, ricevinte 200—300 poŝtaĵojn. Mi respondos ĝis fino de 1923. Salutojn kaj dankojn al vi de Liem Tjong Hie, Semarang, Java.

**Kazan** (Rusio). Kazana grupo, Popova gora 34, 6, al S-ro Vadim V. Obrazcov, prez., petas sendon de esperantaj libroj. La movado progresas sed la grupo estas malriĉa.

**Kiu** estas vera poŝtmarkkolektanto? Tiu devas posedi ĉiujn aŭstriajn PM; nunajn kaj malnovajn. Kontraŭ poŝtelspecoj kaj referencoj ĉiu samideano povas ricevi belajn elektaĵojn por aĉeto kaj komisia vendado. Prezoj pli malkare ol ĉie! Mi ankaŭ vendas paketojn po 100 diversaj PM por 2 Fr. fr., 1000 diversajn por 25 Fr. fr., 500 diversajn PM por 8 Fr. fr.; krom poŝtelspecoj. Mi ankaŭ aĉetas ĉiun ajn PM se la prezoj estas moderaj. Josef Kolnhofer, poŝtmarkvendejo, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Kiu** kolektas poŝtmarkojn? Tiu tuj skribu al la suba adreso kaj postulu belan elektaĵon por aĉeto aŭ komisia vendado. Mi posedas grandan provizon de belaj aŭstriaj kaj alilandaj PM, kiujn mi vendas ĝenerale nur por la duona katalogprezo. Kiu havigas al mi mendojn ricevos 5 procentojn da provizio de la vendita sumo. Josefo Kolnhofer, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Maloftaj** PM el Turkio, nur unua kvalito. 100: 6 sv. fr., 150: 9 sv. fr., 200: 12 sv. fr. Antaŭpago. Prezlisto el Saarteritorio, Fiume, Paraguay ktp. kontraŭ afranko. Ankaŭ Pl el Palestino. H. Schmidt, Breslaŭ, Ahornallee 6, Germanio.

**Naturamantoj.** Fotografaĵoj kontraŭ elektitaj PM. Broŝuro pri la mondkonata glacia groto de Dobšina kontraŭ 3 Kč., kun fot-aĵoj 6 Kč. aŭ fot-aĵoj, Josef Michalsky, Levoča, Spiš. Nová Ves, ž. podatr. XIX., Ĉeĥoslovakio.

**Ofico** serĉata kiel korespondantino aŭ edukistino, prefere en Ĉeĥoslovakio por mia fratino, ŝtate ekzamenita instruistino de angla kaj franca lingvoj. Ŝi parolas germane kaj preskaŭ perfekte ĉeĥe. Proponojn petas F-ino Angela Čtvrtečka, Bodenbach, Weiher 316, Ĉeĥoslovakio.

## INTERNACIA KOMERCO

**Berlin.** Tre volonte mi senpage plenumos ĉiujn komercajn kaj privatajn komisiojn. Fritz Bohlmann, Neanderstr. 20, II, Berlin SO. 16.

**Eksportado** ĉiuspecaj kreskaĵoj aromaj, medicinaj kaj aliaj, iel ajn utiligeblaj, propranaskaj. Sin turni: Doktoro Labella, Potenza (Italio). Oni korespondas ankaŭ franclingve.

**Komercservo** Böning, Libanonstrasse 45, Stuttgart (leĝe registrita) peras ĉion, precipe elektromotorojn, ledajn klubseĝegojn, prizorgas asekurigojn kaj plenumas zorgeme komisiojn.

**Skribmaŝino.** Plej malkara skribmaŝino de la estanteco „Famos" skribas 84 ciferojn, literojn kaj signojn. Por ĉiu maŝino ni donas 1 jaron garantio. Prezo kun kelkaj PK kaj skribpapero por eksterlando 30 sved. kronoj aŭ egalvaloro. Kontenteco garantiita. Aldono afrankon por respondo. H. Schmidt, Ahorn-Allee 6, Breslaŭ, Germanio.

**Teksaĵoj.** J. Kunert, Troppaŭ, Ĉeĥoslovakio, grandkomercisto kaj reprezentanto de jutvarkotonaj- kaj trikaĵfabrikistoj ofertas plej malmultekoste ĉiujn artiklojn de tiuj ĉi branĉoj.

**La Esperanto-Grupo en Holešov** (Ĉeĥoslovakio) deziras al S-ro Karel Loveček, Del. de UEA, nun foririnta al Třebíč multe da sukceso en lia nova posteno kaj dankas al li kore por la laboro farita por starigi la grupon.

# LA PACEMA REKONSTRUADO DE LA MONDO

## Jen la celo de la Unisma Federacio per Unuiga Kooperativa Metodo!

Aludante al la industria problemo, antaŭ kelkaj jaroj verkisto konstatis, ke la mondo bezonas novan ideon kiu povos liberigi la popolan menson por originala kaj sendependa pensado. Estas la dejorado de la jus fondata Unisma Federacio disvastigi edukade tian ideon por rapide kreskigi nacian kaj internacian unuecon. La ideo mem estas facile komprenebla de ĉiuj kiuj interesiĝas sin pri politikaj kaj industriaj aferoj kaj kiuj samtempe plene komprenas, ke pacema ekonomia rekonstruado estas necesa por enkonduki sendanĝeran mondpacon.

La Federacio prenas sian titolon de nova vorto — la Unismo — kiu esprimas la principon de kooperativa laboro inter la subtenantoj de la individualismo kaj la kredantoj de la socialismo. Ĉar, rilate al la demando pri la posedo kaj kontrolo de la industria kaj komerca maŝinaro, oni klare rimarkas tutmondan pretigon de potencaj grupoj por decidigo aŭ per leĝaj rimedoj aŭ per metodoj militemaj. La individualistoj intencas, ke la produktado kaj distribuado restu sub kontrolo de privataj personoj kaj grupoj. La socialistoj insistas, ke ĉi tiuj funkcioj estu kontrolataj iamaniere de la ŝtato aŭ komunumo. La popoloj diverslandaj estas dividitaj laŭ siaj propraj opinioj. Dume pro militoj, maltrankviligoj kaj necerteco la industrio kaj komerco ne sufiĉe kontentigas la homojn rilate al bezonoj ĉiutagaj.

La Federacio sugestas, ke efika metodo por atingi nacian kaj internacian kunlaboradon estas trovebla per kunligo de la principoj de la individualismo kaj de la socialismo t. e. per la Unismo, kiu liveras la jenan kooperativan kompromison:

a) La Individuo devas produkti.
b) La Komunumo devas distribui.

Jam ekzistas bona kaŭzo kredi, ke la plimulto da personoj povos interkonsenti pri la kontrolo de la industrio laŭ tiu ĉi formulo — almenaŭ dum la kriza periodo de mondrekonstruado.

a) Signifas, ke la popolo konsentos, ke ĉiaj produktivaj industrioj estu starigitaj, organizitaj kaj disvolvigitaj per privata mono-kapitalo kaj per la energioj de privataj individuoj aŭ grupoj. Individuoj, publikaj akciaj kompanioj, kooperativaj produktivaj societoj, metiaj sindikatoj kaj aliaj tipoj de produktantoj tiel daŭros eksperimenti. Paŝo post paŝo solviĝos la malsimplaj problemoj de interna organizado kaj de direkcia kapableco.

b) Signifas, ke la komunumo protektos ĝustmaniere ĉiujn produktantojn kaj konsumantojn per sistemo scienca de distribuado. Laŭ tiu ĉi aranĝo ĉiaj funkcioj de disdonado, konservado kaj transportado estos komunume aŭ ŝtate kontrolitaj. Kiel gravaj eksperimentoj kaj spertoj jam pruvis oni povos fari uzon de la senperaj metodoj de spertulo kiel S-ro Hoover, samtempe utiligante la maŝinaron de la kooperativaj disdonadaj societoj. Komencante per la ĉiutagaj necesaĵoj popolaj la nova sistemo paŝo post paŝo etendiĝos kiel ebligos la sperto. Libera interŝanĝado de komercaĵoj disvastiĝos nacie kaj internacie tiel forigante danĝeran incitilon por militi.

Je la simpla metodo de la Unismo kaj ĉiuj kiuj konsentas *pri la principo* estas invitataj fariĝi anoj de la Federacio kiu propagandas du pluajn principojn reciproke akordiĝajn:

1. Nepartia registaro bazita je reprezenta parlamento per proporcia reprezentado; spertula administracio de ŝtataj fakoj.
2. Libera esprimado de opinioj kaj zorga konsiderado de aliaj reformemaj politikoj.

Ĉi tiuj principoj ebligos ĝustan reprezentadon por ĉiuj politikaj grupoj, kaj certigos, ke ĉiuj reformplanoj rilate al la tero, la financo, la edukado ktp. ricevos plenan konsideradon de popoloj kaj parlamentoj.

* * *

Iu entuziasmulo povos starigi tuj edukadan grupon de tri aŭ pli anoj. Ĉiu grupo devas esti sendependa kaj fari siajn proprajn regulojn kaj financajn aranĝojn. La ideo mem de la Unismo estas taŭga por originala pensado kaj diskutado kaj poste por uzado de tiaj disaj grupoj. Komuna kredo kaj deziro enkonduki paceman rekonstruadon al mondo tiel longe suferinta pro diversaj metodoj de la potenco estos la ligilo inter grupoj kaj individuoj.

Kiu helpos?

* * *

*(Senpagaj broŝuretoj pri la Unismo estas haveblaj ĉe honora organizanto S-ro Colin Unwin, Box 47, Fremantle, Western Australia (Okcidenta Aŭstralio). Bonvole demandu denove se broŝuretoj ne alvenos ĝustatempe pro malaranĝoj poŝtaj kaj aliformaj.)*

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-N.